NIA KUNLABORANTARO:

LOUISE BRIGGS (ARMLEY), J. GRAU CASAS (BARCELONA), HELMI DRESEN (TALLIN), DRO ALEKSANDRO GIESSWEIN (BUDAPEST), F. E. HAINE (BRUXELLES), NIKOLAO HOHLOV (ZAGREB), IVAN H. KRESTANOFF (DRESDEN), PAUL MEDEM (KAUNAS), EMMA H. OSMOND (LONDON), DRO EMIL PFEFFER (WIEN), PETRO STOJAN (KIŜINAŬ), M. SOLOVJEV (SKOPLJE), DRO LEONO ZAMENHOF (VARSOVIO), JULIO WERNER

# KARA LEGANTARO,

ni estas konvinkiĝintaj, ki ĉiu numero de nia revuo estas vera surprizo al la literaturamantoj, sed por plene disvolvi nian programon ni bezonas vian moralan helpon. Propagandu nian revuon inter viaj konatuloj, korespondantoj, kiuj emas por la ĝuo de la internacia beletristiko. Komuniku ilian adreson al nia redaktejo por ke ni povu sendi provnumeron al ili por konvinki ilin pri nia subteninda entrepreno. — Nia sukceso estos ankaŭ la via.

## KIAMANIERE VI ABONU „LITERATURA MONDO"-N?

Prenu leterkoverton, enmetu la prezon de tiom da numeroj, kiom vi ŝatus aŭ povas havigi, kaj sendu ĝin registrite *al nia adreso*. El la landoj angla, belga, ĉeĥa, dana, franca, finna, itala, jugoslava, rumana, svisa oni povas sendi ankaŭ *poŝtmarkojn* neuzitajn.

Vi povas ankaŭ pagi per ia ajn banko al sekvantaj naciaj bankoj, por la konto de Hungara Ĝenerala Kreditbanko (Banque Générale de Crédit Hongrois, Ungarische Allgemeine Creditbank), Budapest, por „Literatura Mondo":

### NACIAJ BANKOJ:

*Amsterdam:* Amsterdamsche Bank
*Bratislava:* Slovenská Všeobecná Úverná Banka
*Berlin:* Direction der Disconto Gesellschaft
*Bruxelles:* Banque de Bruxelles
*Christiania:* Den norske Creditbank
*Copenhague:* Kobenhaven's Handelsbank
*Milano:* Banca Commerciale Italiana
*London:* The National Provincial & Union Bank of England Ltd.
*New-York:* Guaranty Trust Comp of New-York
*Paris:* Banque de l'Union Parisienne
*Sofia:* Banque Balkanique
*Stockholm:* Skandinaviska Kreditaktiebolaget
*Zürich:* Schweizerische Bankgesellschaft

### PREZOJ NOVAJ DE „LITERATURA MONDO" PO NUMERO:

| | | | |
|---|---|---|---|
| —.16 dolaroj | —.80 svis. frankoj | —.80 norv. kronoj | 3.— liroj |
| —.40 guldenoj | —.80 danaj kronoj | 1.— pesetoj | 4.50 ĉ. kronoj |
| —.60 sved. kronoj | 2.— fr. frankoj | —.08 ŝilingoj | —.30 jenoj |

El la landoj, kiuj ne estas nomataj, oni petu rektan proponon de ni!

SENPAGAJN NUMEROJN NI NE LIVERAS ★ NI ESPERAS, KE ĈIUJ AKIROS NOVAJN ABONANTOJN

### EN LA SEKVANTAJ LANDOJ VI POVAS ABONI ĈE NIAJ ABONEJOJ:

*Argentino:* Irenjo Balkanyi, Pels y Lakatos, Buenos-Aires, 25 de Mayo 294.
*Austrujo:* Wien, Esperanto-eldonejo „Nova Tempo", VI., Mollardgasse 55.
*Britujo:* The British Esperanto Association, 17 Hartstreet, London, WC. 1.
*Bulgarujo:* Centra Librejo Esperanto (Gaŝevsky) Sofia.
*Belgujo:* Franz Schoofs, 45 Kleine Beerstraat. Antwerpen, Poŝtĉekkonto No 284. 20. —
*Ĉehoslovakujo:* Otto Sklenčka, Hradec Králové.
*Danujo:* Martin Blicher, International Boghandel, Hotel d'Angleterre, Kobenhavn.
*Estonujo:* Helmi Dresen, postkast 6, Tallin.
*Finnlando:* O/Y. Movado A/B. Helsinki, Kasarminkatu 20.
*Francujo:* Raymond Schwartz, 4, rue d'Hauteville, Paris.
*Hispanujo:* Ferdinando Monserrat, Barcelona, Str. Villaroel 107, 2º 2º.
*Italujo:* Johano Mainardi. Viale Vittoria 1, Milano 21.
*Jugoslavujo:* Dro. D. Maruzzi, Zagreb, Jezuitska-ulica 1.
*Latvujo:* Talivaldo Indra, Posta kaste 475, Riga
*Litovujo:* P. Medem Kaunas Smelingasse 12.
*Rumanujo:* Esperanto Oficejo, Cluj.
*Svisujo:* Esperanta Librejo „Verdą Stelo" Rosenheimstr. 5, St. Gallen-Ost.
*Usono:* The Esperanto Service Corporation Box 32 Weehawken N.

—

LAŬVOLE SENDU ALTAN SUMON KAJ NI LIVEROS TIOM DA NUMEROJ, KIOM VALORAS LA PAGO!



# VENEZIA



La maro amas sian Reĝinon kun serioza adoro, kiun ĝi sternas antaŭ ŝiajn piedojn. La lagunoj kuŝas tie dormeme, maljunaj infanoj, per kiuj siajn sekretojn flustras la Historio.

De la iliraj bordoj vive ŝvelantan venetan velon karesas la maljuna Adria vento. Veneta komercisto, skuita de longaj marvagadoj esploras per okuloj la profundojn de l' maro. Kaj la ondoj disiĝas kaj la maro, sur la mistera fundo de l' eventoj, montras fabele al sia filo la miraklojn, kiuj maturiĝas en ĝia sino.

„Rigardu, ekmovis sin la ŝlimo de l' maro, kaj la infanoj de viaj infanoj ĝojkrie travagas ĝiajn novajn insulojn. Rigardu, kiel altiĝas la forkuremaj bordoj, kiel levas templon el migrantaj rokoj via aŭdaca fido. Ĝi estas la Reĝino de l' maro, kie strečas sin la



DOĜA PALACO

Marka preĝejo de la eterna Belo, ĝi estas la Reĝino de l' maro, kies kantojn kantas la sonoriloj de l' *Campanile.* Venos grandaj estroj, doĝoj, kreskintaj el mia sango, kaj inter la kolonoj de la *Palazzo Ducale* naskiĝos grandaj decidoj. *Paulucius*, la *Orseolo'j, Candiano'j* kaj la plej granda, *Enrico Vandolo* estas el mia sango, estas el mia fido, per kiu mi atingas la kupolan Bizancon kaj la kolonojn de Heraklo, de kie multajn belaĵojn alportos la infanoj de viaj infanoj. Kaj envios la Sorto tiujn multajn miraklojn, kiuj el la ŝtonoj de *Antonio da Ponte, Palladio, Sansovino* kaj *Pietro Lombardo* ridos al ĝi. Envios la sorto pri la pastroj de l' Belo, pri *Tizian, Tintoretto, Bellini* — ho kiel multaj ili estos, kiuj donos sian animon, ĉizitan en marmoro, aŭ strečitan sur tolon, al la frunto de sia reĝino diademe. Kaj klinos sin kun humila submetiĝo eĉ la almilitanta fremdulo kiu venos kune kun la sovaĝaj ventoj de l' malproksimaj Alpoj por forpreni la maron de mia Reĝino. Sed mia Reĝino estas fiera kaj libera, ĉar en ŝia animo triumfas la amo al Belo, kaj sur la kolora akvo de l' *Canal Grande* sur etaj gondoloj kuros al ŝia sino amantaj fremdaj infanoj kiuj alportis por ŝi sian grandan admiron.

Kaj venos poste grupeto de la Novuloj, ili venos al la malnova Reĝino, portos al ŝi novan ideon, novan fidon, novan senton, kies svingo transflugos la griziĝintajn kupolojn de Bizanco, kaj la silentajn kolonojn de Heraklo. Esperantistoj. Kaj en la urbo de la *Consilio Maggiore* naskiĝos novaj decidoj. Kaj inter la decidantoj mi vidas la vizaĝojn de la infanoj de viaj infanoj, ruĝajn pro nova entuziasmo. Ekflugos la kolomboj de la Placo de sankta Marko kaj la paca muziko de l' frapantaj kolombflugiloj sendas al la mondo la saluton de la infanoj de viaj infanoj, la saluton de la Reĝino de l' maro."

Fermiĝis la maro, kvazaŭ manoj kunmetitaj por preĝo kaj la kruda mano de l' maljuna Ŝipisto ame kaj fide ekkaresis siajn infanojn nevideblajn.

JULIO WERNER.

# LA MASKO DE L' RUĜA MORTO

EDGAR ALLAN POE

a „Ruĝa Morto“ jam delonge ekstermadis la landon. Ankoraŭ nenia pesto estis tiel fatala, aŭ tiel abomena. Sango estis ĝia apero kaj ĝia stampo — ruĝo kaj hororo de sango. Komence estis akraj doloroj kaj subita kapturniĝo, poste abunda sangado el poroj kaj ĉi tion sekvis la diseriĝo. Skarlatkoloraj makuloj sur la tuta korpo kaj speciale sur la vizaĝo de la viktimo estis la ekzilstampoj de l' pesto kiuj forfermis la malsanulon de helpo kaj kompato de siaj proksimuloj. Kaj unua atako, progreso kaj fino de la malsano estis la faro de duono da horo.

Sed princo Prospero estis feliĉa kaj netimigebla kaj saĝa. Kiam liaj bienoj estis jam duone senhomigitaj, li elserĉis inter la kavaliroj kaj sinjorinoj de sia kortego intiman rondon de mil sanaj kaj gajaj amikoj kaj foriris kun ili en la plej profundan izolecon, en unu de siaj fortikigitaj kasteloj. Ĝi estis vasta kaj grandioza konstruaĵo, farita tute laŭ la ekscentra sed majesta gusto de la princo. Forta kaj alta muro ĉirkaŭis ĝin. La muro havis ferajn pordojn. La korteganoj, post kiam ili eniris, alportis lutfornon kaj pezajn martelegojn kaj alforĝis la riglilojn. Ili decidis malebligi, ke iu ajn eniru aŭ eliru pro subitaj impulsoj de malespero aŭ de interna frenezo. La kastelo estis bone provizita per nutraĵo.

Kun tiaj antaŭzorgoj la korteganoj povis facile spiti la peston. La cetera mondo devu mem zorgi pri si. Dumtempe estus malsaĝe malĝoji aŭ meditadi. La princo zorgis pri aranĝo de diversaj plezuroj. Estis tie arlekenoj, estis improvizantoj, estis baletdancistoj, estis muzikistoj, estis tie beleco, estis tie vino. Ĉio ĉi tio kaj la sendanĝero estis interne. Ekstere estis la „Ruga Morto“.

Proksimume je la fino de l' kvina aŭ sesa monato de ĉi tiu izoleco, dum la pesto ekstere plej terure furiozis, aranĝis princo Prospero por la amuzo de siaj mil geamikoj maskobalon kun la plej eksterordinara pompo.


VENEZIA: PONTO DE RIALTO

Estis volupta sceno ĉi tiu maskerado. Sed unue mi devas rakonti pri la ĉambroj, en kiuj okazis la festeno. Ili estis sep, en vere imperiestra vico. Sed en multaj aliaj palacoj donus tia vico de ĉambroj longan kaj senhaltan trarigardon, ĉar dupartaj pordoj povus esti forŝovitaj ambaŭflanke preskaŭ ĝis la muroj tiel, ke la vido en tuta etendo apenaŭ estas barita. Ĉi tie estis tute alimaniere, kiel oni ja povis tion esperi de la inklino de l' princo al bizaro. La apartamentoj estis tiel malregule ordigitaj, ke la rigardo povis ampleksi apenaŭ pli ol unu ĉambron samtempe. Post ĉiuj dudek aŭ tridek jardoj troviĝis akra kurbo kaj je ĉiu kurbo nova efekto. Dekstre kaj maldekstre, en la mezo de ĉiu muro, alta kaj mallarĝa gotika fenestro, rigardis al fermita koridoro kiu sekvis la kurbiĝojn de la ĉambrovico. Ĉi tiuj fenestroj estis el koloraj vitroj, kies koloro ŝanĝiĝis konforme al la reganta koloro de la dekoracio de l' ĉambro, en kiu ili estis lokitaj.

La ĉambro lokita en la orienta fino estis tapetita ekzemple en blua koloro kaj vive bluaj estis ĝiaj fenestroj. La dua ĉambro estis purpura en ĝiaj ornamaĵoj kaj tapetoj, ĉi tie ankaŭ la vitraĵoj estis purpuraj. La tria ĉambro estis tute verda kaj samaj estis ĝiaj fenestroj. La kvara ĉambro havis meblaron kaj lumigon oranĝan, la kvina blankan, la sesa violkoloran. La sepa apartamento estis dense vualita per nigra veluro, kiu kovris supre la plafonon kaj malsupre la murojn, falante en densaj faldoj al la planka tapiŝo de sama materialo kaj koloro. Sed, sole en ĉi tiu ĉambro, mankis la harmonio inter la koloro de l' fenestroj kaj de dekoracio. La vitraĵoj estis skarlataj — kun profunda, sanga koloro.

En neniu el la sep apartamentoj, inter superfluo da oraj ornamaĵoj, kiuj kuŝis tie kaj ĉi tie disĵetite aŭ pendis de l' plafono, oni povis ekvidi eĉ unu lampon aŭ kandelabron. Nenia lumo venanta el lampo aŭ kandelo estis en la tuta ĉambraro. Sed en la koridoroj, kondukantaj paralele al la ĉambroj, staris ĝuste kontraŭ ĉiu fenestro masiva tripiedo, kiu

surtenis karbujon kun brulaĵo; la fajro ĵetis siajn radiojn tra la kolora vitro kaj tiel ĝi lumigis brilegante la ĉambron. Kaj tiamaniere estis kreita multe da diverskoloraj kaj strange fantaziaj aperoj. Sed en la okcidenta aŭ nigra ĉambro la efekto de la fajra lumo, kiu fluis sur la malhelajn drapirojn tra sangokoloraj vitraĵoj, estis tiel ekstreme fantoma kaj produktis sur la vizaĝo de ĉiu eniranto tiel teruran aspekton, ke nur malmultaj el la kompanio kuraĝis meti siajn piedojn en ĉi tiun ĉambron.

En ĉi tiu apartamento staris, apud la okcidenta muro, grandega horloĝo el ebono. Ĝia pendolo balanciĝis tien kaj reen kun surda, fortega, monotona sono; kaj kiam la minut-montrilo faris sian rondiron sur la ciferplato kaj horo estis trafita, el la metalaj pulmoj de l' horloĝo eliris sono, kiu estis klara, laŭtakta, profunda kaj eksterordinare muzika, kaj havanta samtempe tian speciale strangan nuancon kaj tian emfazon, ke post ĉiu horo la muzikistoj de l' orkestro estis devigitaj paŭzi dum momento en sia okupiĝo por aŭskulti tiujn ĉi sonojn; kaj la valsantoj same ĉesigis siajn movojn; kaj estiĝis mallonga ĝeno en la tuta gaja kompanio; kaj dum la batoj de l' horloĝo oni povis observi, ke eĉ la plej malmoderaj paliĝis kaj la pliaĝaj kaj pli seriozaj karesis sin super la brovoj, kvazaŭ konfuzitaj, en revo aŭ meditado. Sed tuj kiam la eĥoj tute ĉesis, hela rido subite trairis la societon; la muzikistoj rigardadis unu la alian kaj ridetis kvazaŭ je sia nerveco kaj malsaĝeco kaj flustrante ili reciproke promesis solene, ke dum la plej proksima horbato ili ne subiĝos al simila emocio; tamen, kiam post paso de sesdek minutoj: kiuj enhavas trimil sescent sekundojn de la fluga Tempo, ree venis la sono de l' horloĝo, denove estiĝis la sama ĝeno kaj tremo kaj meditado kiel antaŭe.

Tamen, malgraŭ ĉi tiuj aferoj, ĝi estis gaja kaj grandioza festo. La gusto de la princo estis stranga. Li havis subtilan senton por koloroj kaj efektoj. Li malŝatis la regulojn de deco nure moda. Liaj planoj estis kuraĝaj kaj fajraj kaj liaj konceptoj ardis en barbara brulo. Iuj povus pensi, ke li estas frenezulo. Liaj konfiduloj sciis, ke li ne estis tiu. Estis necese lin vidi kaj aŭdi kaj komunikiĝi kun li por esti *certa*, ke frenezulo li ne estis.

Okaze de tiu ĉi granda festo li direktis grandan parton de la moveblaj dekoracioj de l' sep ĉambroj; kaj lia gvidanta gusto donis la karakteron de la maskoj kaj kostumoj. Ili estis certe sufiĉe groteskaj. Estis tie multe da brilo kaj vibro kaj pikantaĵo kaj ĥimeraĵo, da kio multe oni vidis de tiu tempo en „Hernani". Oni povis vidi tie arabeskajn figurojn kun strange torditaj membroj. Estis tie deliraj fantaziaĵoj similaj al la kreaĵoj de frenezo. Estis tie multe da belo, multe da friponeta kapricaĵo, multe da bizaro, iom da teruraĵoj kaj ne malmulte da aĵoj, kiuj kaŭzis eĉ abomenon. Vere, en la sep ĉambroj paŝadis tien kaj ĉi tien granda aro da sonĝoj. Kaj ili — la sonĝaj



TIZIAN: ĈIELIRO DE MARIO

aperaĵoj — movis sin de ĉambro al ĉambro, ŝanĝante sian koloron laŭ tiu de la ĉambroj. Kaj la sovaĝa muziko de l' orkestro ŝajnis esti eĥo de iliaj paŝoj.

Kaj subite eksonas la ebona horloĝo, kiu staras en la ĉambro vualita per veluro. Kaj jen, unu momenton, ĉio estas muta kaj ĉio silentas escepte de la sono de l' horloĝo. La sonĝaj aperaĵoj rigidiĝas senmovaj kiel ili ĵus staris. Sed la eĥoj de l' sono pereas — ili daŭris nur unu momenton — kaj kiam ili eksilentis, fluas hela, duone subpremata rido. Kaj nun ree sonas muziko, kaj la sonĝaj aperaĵoj revivas kaj svarmas tie kaj ĉi tie, pli gaje ol antaŭe, ŝanĝante siajn kolorojn laŭ la multekoloraj fenestroj, tra kiuj brilas la radioj de l' tripiedoj. Sed en la ĉambron, kiu kuŝas plej okcidente en la ĉambraro, nun kuraĝas eniri neniu el la maskoj; ĉar la nokto jam estas profunda; kaj tie fluas pli hele la lumo tra la sangokoloraj vitraĵoj; kaj la nigreco de la malhelaj drapiroj teruras; kaj se iu kuraĝas meti sian piedon sur la nigran tapiŝon, al tiu venas en orelojn el la proksima ebona horloĝo la obtuza batado kun pli solena emfazo ol io ajn, kio tuŝas la orelojn de *tiuj*, kiuj ĝuas la pli malproksiman gajecon de la aliaj apartamentoj.

Kaj la aliaj apartamentoj estas densege plenigitaj kaj en ili pulsas febre la korbato de l' vivo. Kaj la diboĉa festo tumultis akvoturne, ĝis fine la horloĝo komencis la batadon de la noktmeza horo. Kaj jen, kiel mi jam rakontis, la muziko ĉesis kaj la valsantoj senmove ekstaris: estiĝis prema senmoveco de ĉiuj, kiel antaŭe. Sed nun estis dekdu batoj kiuj eksonis el la sonorilo de l' horloĝo, tiel okazis, ke dum la pli multa tempo pli multaj pensoj glitis en la meditadon de la pli pensemaj diboĉantoj. Eble tial okazis ankaŭ, ke antaŭ ol la lastaj eĥoj de la lastaj sonoj dronis en silento, estis kelkaj personoj en la tumulto, kiuj havis sufiĉe da libera tempo por rimarki la ĉeeston de maskita figuro, kiu ĝis nun de neniu estis rimarkita. Kiam la famo pri la nova gasto flustre disvastiĝis, leviĝis en la tuta societo zumado kaj murmuro de mallaŭdo kaj surprizo kaj fine esprimoj de teruro, hororo kaj abomeno.



TOMBMONUMENTO DE CANOVA

Oni povas supozi, ke ne ordinara estis la aperaĵo, kiu en tiel fantazia societo, kian mi pripentris, ekscitis tian sensacion. Vere, por tiu ĉi nokto la libero de sinmaskado estis preskaŭ senlima; sed ĉi tiu figuro estis superherode Heroda kaj transpaŝis eĉ la elastajn regulojn de l' princo pri dececo. En koroj de eĉ plej senpripensaj homoj estas kordoj, kiujn oni ne povas tuŝi sen emocio. Eĉ por la plej perditaj, kiuj egale ludas kun vivo kaj morto, ekzistas aferoj, kiujn moki oni ne povas. La tuta kompanio ŝajnis profunde senti, ke en la kostumo kaj

konduto de la fremdulo ekzistis nek sprito nek sento por konveno. La figuro estis alta kaj malgrasa kaj de kapo ĝis piedoj vualita en mortkovriloj. La masko, kiu kovris la vizaĝon, estis tiel simila al vizaĝo de rigida kadavro, ke eĉ la plej preciza esploranto malfacile povus malkaŝi la trompon. Kaj ĉion ĉi ja povus la frenezaj diboĉantoj se ne aprobi, tamen toleri. Sed la maskito estis tiel aŭdaca, ke li alprenis la tipon de Ruĝa Morto. Liaj vestoj estis aspergitaj per sango, kaj lia alta frunto, kiel ankaŭ lia tuta vizaĝo estis surŝprucitaj per la skarlata hororo.

Kiam la okuloj de l' princo ekvidis ĉi tiun fantoman aperaĵon (kiu, kvazaŭ por ludi pli bone sian *rolon,* kun malrapidaj kaj solenaj movoj paŝadis tien kaj reen inter la valsantoj), oni vidis, ke li en la unua momento konsterniĝis skuite de teruro aŭ abomeno; sed tuj poste lia vizaĝo ruĝiĝis furioza.

„Kiu kuraĝas" — li demandis raŭke siajn korteganojn starantajn proksime al li — „kiu kuraĝas nin insulti per tia blasfema mokado? Ekkaptu kaj demaskigu lin, por ke ni eksciu, kiun ni pendigu dum sunleviĝo sur la pinto de la kastelo".

Ĉi tio okazis en la orienta aŭ blua ĉambro, kie princo Prospero staris dirante tiujn ĉi vortojn. Ili sonis laŭte kaj klare tra sep ĉambroj, ĉar la princo estis sentima kaj forta viro kaj la muziko eksilentis per lia signo de mano. Ĉi tio okazis en la blua ĉambro, kie la princo staris kun grupo de palaj korteganoj ĉirkaŭ si. Kiam li ekparolis, oni rimarkis en la grupo mallaŭtan bruon de movado en la direkto de la entrudulo, kiu en tiu ĉi momento estis tute proksime kaj nun per konsiderataj kaj mezuritaj paŝoj proksimiĝis al la parolanto. Sed, pro ia sennoma sinreteno, kiun la freneza kostumo de la maskito vekis en la tuta societo, neniu troviĝis, kiu kuraĝis levi sian manon por kapti lin; tiel, sen malhelpo, li preterpasis la personon de l' princo je proksimo de unu jardo; kaj dum la societo, kvazaŭ per ia impulso, cedis de la mezo de ĉambroj malantaŭen ĝis la muroj, li daŭrigis sian vojon senhalte per la samaj solenaj kaj mezuritaj paŝoj, kiuj lin jam komence distingis, — tra la blua ĉambro en la purpuran, tra la purpura en la verdan, tra la verda en la oranĝan, poste tra ĉi tiu en la blankan, kaj de tiu ĉi en la violkoloran kaj dumtempe nenia decida provo estis farita por kapti lin. Sed nun venis la momento, kiam princo Prospero furiozigita de kolerego kaj de honto pro la pasinta momenta malkuraĝo, kuris rapidege tra la ses ĉambroj; neniu sekvis lin, morta teruro kaptis ĉiujn. Li tenis alte etenditan ponardon kaj proksimiĝis kun sovaĝa rapido ĝis proksimo de tri aŭ kvar futoj al la retiriĝanta figuro kiam la maskito, atinginte la finon de la nigra apartamento, subite returnis sin kaj stariĝis kontraŭ sia persekutanto. Eksonis akra krio — kaj la ponardo falis briletante sur la nigran tapiŝon, sur kiun, en la sekvinta momento falis sternita en morto — princo Prospero. Nun en sovaĝa kuraĝo de malespero ĵetis sin amaso de festenantoj en la nigran apartamenton kaj kaptinte la maskiton, kies alta figuro staris rekte kaj senmove en la ombro de l' ebona horloĝo, ili ekkriis en nepriskribebla hororo, ĉar ili trovis, ke la mortkovriloj kaj kadavrosimila masko, kiujn ili tiel forte kaj violence tenis, estis malplenaj, sen ia kaptebla formo.

Kaj nun oni rekonis la ĉeeston de la „Ruĝa Morto". Li venis kiel la ŝtelisto dum nokto Kaj la festenantoj unu post la alia falis en la sangrosumitaj haloj de sia diboĉo, kaj ĉiu mortis en tiu malespera pozo, kun kiu li falis. Kaj la vivo de la ebona horloĝo ĉesis kune kun tiu de la lasta gajulo. Kaj la flamoj sur la tripiedoj estingiĝis. Kaj la Mallumo kaj la Pereo kaj la „Ruĝa Morto" ektenis sian senliman imperion super ĉiuj.

El la angla:
*Dro Ign. Dziedzic.*



THOMAS AUSTEN—BROWN: PATRINO KAJ INFANO

# EL LA POEMOJ DE PAUL VERLAINE

TRADUKIS K. DE KALOCSAY

## LA BLANKA LUNO

En bosko brilas
La blanka lun',
Branĉ' ĉiu trilas
Mistere nun
Sub tend' folia . . .
Ho kara mia ! . .

La lag' spegulas . . .
En siluet'
Sin sur ĝi lulas
La saliket'
Dum venta ploro . . .
Al rev' ! . . Jen horo !

Dolĉ-milda, granda
Kvieto-sent'
Estas falanta
De l' firmament'
Kun brilo stela . . .
Ho hor' ĉiela !



### VIRINO KAJ KATO

Virino ludas kun kateto.
Vidaĵ' miriga, mir-afer'!
La blanka man', la blank-piedo
Jam dronis ombrojn de l' vesper'.

Ho krimulino ! Jen kaŝataj
Sub duongantoj, en trankvil',
Mortigaj ungoj, la agataj,
Pli tranĉaj, brilaj ol razil'.

Kaj ankaŭ kat', dum flat' sukera,
Retiras ungon sendanĝera.
Sed la diablo en insid' . . .

Tra l' ĉambro, kie ĵus sonore
Ŝi trilis per aera rid',
Kvar punktoj brilas nun fosfore.

### SENTIMENTALA INTERPAROLO

En park' maljuna, frosta kaj silenta
Du ombroj iris antaŭ temp' momenta.

La lipoj molaj, la okuloj mortaj . . .
En vent' perdiĝas vortoj la senfortaj.

En park' maljuna, frosta kaj senhoma
Estintajn tempojn vokis par' fantoma.

— Ĉu vi memoras la ekstazajn horojn ?
— Ja kial volas vi de mi memorojn ?

— Ĉu batas kor' je mia nom' resone,
Ĉu vidas vi en sonĝ' min ofte ? — Ho ne !

— Ĉielo blua ! Ho esper' giganta !
— Jam for, venkita, al ĉiel' nigranta.

Kaj ili marŝis sur herbaĵo mola,
Iliajn vortojn aŭdis nokto sola.



## AŬTUNA KANTO

Long-ĝema son'
De l' violon'
Velk-sezona
Vundas en kor'
Min per langvor'
Monotona.

Hor' batas nun . . .
Mi palas kun
Kor' senpova,
Memoras mi
Kaj ploras pri
Hor' malnova.

Ekvagas, jen
Zigzagas en
Vento mi
Kun svena fal',
Simile al
Velk-foli' . . .



MUNKÁCSY: KRISTO ANTAŬ PILATO

# PREĜOJ DE TIUJ, KIUJ NE PREĜAS

AŬTORO ANONIMA



isterojn, kiujn vi al vi konfidas, kunigis mi per krampo de preĝo.

Mi scias, ke ĉiu estaĵo devas kun si pere de Dio, kaj kun Dio pere de si, per vivo kunplekti mondon grandegan.

Mi scias. Certa mi estas. — Tiel helpu al mi Dio.

PREĜO DE MALĜOJO.

Tia malĝojo, ho Dio, Dio, malĝojo tia.

Griza malĝojo, ho Dio, Dio, malĝojo griza!

Nek sonoj, nek koloroj, ho Dio, nek koloroj, nek sonoj.

Malĝojo, ho Dio, malĝojo.

Koron el brusto mi elprenis, ho Dio, Dio, batas la koro mallaŭte, mallaŭte, ho Dio, mallaŭte, mallaŭte la koro batas, ho Dio, Dio, el brusto koron mi elprenis.

Larmoplenan koron, malĝojan, malĝojan koron, larmoplenan.

Birdo nigra flugilojn havas blankajn, ho Dio, blankajn flugilojn birdo nigra posedas.

Nebulo densa, birdo nigra, flugiloj blankaj, ho Dio, flugiloj blankaj, birdo nigra, nebulo densa, ho Dio.

Malĝojo, ho Dio, malĝojo.

Estis suno, estis, forestas, ho Dio, forestas, forestas, estis suno, estis suno, ho Dio.

Senbrue, malĝoje, malĝoje, senbrue.

Senbrue, malĝoje, sur nigra ondo ĉerko balanciĝas. Nigran roson el nigraj floroj nigraj trinkas papilioj. Homo jam ne ekkantos, infano plu ne ridetos, lasta krevis sonorilo, ĉiuj sur tero haltis horloĝoj, lasta disfalis turo, lasta hieraŭ estingiĝis stelo — por kiu ĝi estus lumonta?

Nenio estas, ho Dio, nenio, nenio.

Larĝe okulojn mi malfermis — rigardas mi, rigardas mi, ho Dio, nenio estas, nenion mi vidas, aŭskultas mi — nenion mi aŭdas, nek flustron, nek sopiron.

Ho griza Reganto de la mondo senbrua, ho Dio, ĉirkaŭe sentas mi birdojn nigrajn kun blankaj flugiloj, nigraj papilioj el nigraj florpokaloj nigran trinkas roson.

Tia malĝojo, ho Dio, malĝojo tia.

Nek koloroj, nek sonoj, ho Dio, Dio, nek sonoj, nek koloroj, nek larmoj.

PREĜO DE MEDITO.

Patro nia, kiel mirinda estas ĉi tiu mondo Via, kiel mirindan ĝi ludas baladon sur harpo de mia animo.

Kiel mirinda estas ĉio ĉi sur tero, en ĝia profundo, ĉirkaŭe. Tiom da mirindaĵoj, se malpli multaj ili estus, estus pli facile, pli malriĉe. — Kaj akvo — kaj fajro — kaj ŝtono, — birdo kaj floro kaj rampaĵo, — kaj stelo. Tiom da etaj kaj egaj kreaĵoj. Kaj homo tiel simila al ĉio, kion Vi kreis.

Mirinde, ke oni povas tiel longe rigardi arbaron, unu de l'arbaro arbon, unu de l'arbo branĉon, unu de l'branĉo folion, unu de l'folio

fibron kaj tiaj strangaj fluas en animo horoj.
— Oni povas tiel longe — longe rigardi maron aŭ rosguteton — kaj tiaj strangaj fluas en animo jarcentoj.

Onidire la scienco scias, — esploras, eltrovas, divenas, konas misterojn de iuj Viaj misteroj.

Estu tiel.

Mi scias, ke en koloro, movo, odoro, en pepado de birdido kaj en preĝo de steloj — Vi mem rakontas koran, por ĉiuj kompreneblan fabelon, kiun ĉiu sentas alie, — Vi ne kaŝas, Vi ne sekretigas.

Rigardas mi modestan urtikon — mirinda vegetaĵo, — kial ĝi armis sian verdaĵon per venenaj ponardoj — kian esperon ĝi posedas, kian justecon, kian agmotivon kontraŭ mi, kontraŭ tero kaj suno.

Kial urtiko, konvalo, frambo, pomarbo kaj kverko? Ne, ke tiu-ĉi pikas, tio gracia, tio dolĉa, tio daŭra — malutila aŭ bezona. Ne... kial ni, fratoj en vivo nin ne komprenas?

Ni naskiĝas: mi, konvalo kaj kverko, ni spiradas, nutriĝas, kreskas, amas — ni: mi, konvalo kaj kverko. — Kaj ni mortas.

Kial el la sama tero: urtiko, jasmeno, frambo, kverko kaj birdo kaj rampaĵo — kaj mi?

— Kial cigno kaj ĝia neĝblanka lanugo?

Kial vaporo, akvo, glacio kaj neĝkrisatlo kaj salkristalo?

Najtingalo nokte kaj alaŭdo flugpendante, kvazaŭ sunguto?

Jen tie stranga io, portanta sian kirasan korpon sur longaj piedoj kaj movanta lipharegojn — por kio mi sciu nomon de tiu ridinde malgranda kreitaĵo? — Ĝi vivas — mi ankaŭ. Fratoj. — Nun ĝi vivas kaj mi ankaŭ nun. — Samtempuloj. Kaj se iun el tiuj sespiedoj ĝi perdos — laŭ sia maniero ĝi ekploros. — Fratoj ni en doloro. — Mortos ĝi. Fratoj en morto. — Kaj ulo serĉas inon Fratoj en flamo de sentoj, en ventego, en haladzo de pasioj.

Kaj jen, rampas tie plej eta verda io — formiko por ĝi estas grandegulo — rampas rapide, rapide, forkuras de danĝero. — Fratoj ni en timo antaŭ teruro de mistero.

Kaj eble tiu maljuna nuksarbo enamiĝis je betulo, kaj tie sub tero ĝi serĉas ĝian virgan tuŝon; kaj la betulo per disa branĉofasko logas kaj trompas, — en terprofundo per radikoj ĝi evitas kaj perfidas, kun alia arbo ilin ĝi kunplektas.

Multon scias scienco nia. — Estu tiel.

Por mi estas vero, ke ĉiuj ĉi mirindaĵoj de fabelo Via, ho Patro, — estas ne nur ĉirkaŭ mi, sed ankaŭ en mi. Mi en mi rakontos al mi fabelon *mian* kaj tiel malsimilan al la Via.

Mi kontraŭ ĉio ĉi. Nenio sen mi.

Mi havas liberan volon ne rigardi, rigardante ne vidi, vidante ne rimarki, vidi tiel, kiel mi volas. Vian guton mi faras oceano. Per nubo Vi kovris sunon kaj ĝi estas por mi ĝuste nun la plej brila. Al homo mi donis flugilojn. Eltrinkis mi la senlimon — ĝi ne ekzistas plu. Sub herbtrunketo mi starigis tendon, en ĝia ombro mi ripozas. El sablero mi elverŝis pokalon da vino centjara. Mi varmiĝas sur glaciejoj.

— Vi, Patro, al vi kaj mi al mi plektas el Via fabelo propran al ni fabelon.

Strange eĉ, ke tiuj mirindaĵoj ĉirkaŭe estas tiom strangaj. Kaj ke dum minuto oni travivas iliajn tutajn epokojn.

Dankon al Vi, Patro nia, ke mi vivas eterne, estas ĉie kaj plenigas ĉion per spiro mia.

Dankon al Vi, Patro nia, pro sorĉa mistero de fabelo Via.

## PREĜO DE SCIENCULO.

Marŝas ni laŭ vojo de l'historio — portas ni torĉojn brulantajn kaj rulaĵojn de niaj leĝoj. Direkto: antaŭen; signvoko: kial? Volo — kompreni, penso — mistero, ho Dio, Mistero de Misteroj.

Ĉiuj — memvoluloj!

Fronte viglaj junuloj portas standardon. Ilia nomo: kantistoj, — gajaj pastroj niaj. Neobeemaj, petolemaj, — oni dirus: senbezona balasto de l'marŝantaro. — Esploristoj niaj oferemaj, — ili plejofte falos, — hardon ne posedas la bravuloj, — ili ridas sangante, per kanto kisas morton, per voko: „supren", per ĵuro: „ĝis ĉerko".

Ni amas tiun etularon frenezetan, ni eksilentas, kiam, kvazaŭ birdaro fortimigita, ili eksaltas kaj ekkuras ien antaŭen. — „Kion vi ekvidis tie?" — „Diablo scias: sunon!" — Ĉiu ion alian babilas, aliajn mirindaĵojn rakontas, alimaniere logas — „Silenton, — ni venos — ni vidos". — „Pli rapide-post ni"...

Al Vi, ho Dio.

Marŝas matematikistoj. Per nombro ili kunforĝis mondojn, ĉirkaŭplektis homon. Por ili unu la suno kaj unu la sablero, unu la amo kaj unu la pano. Tramezuris ili senlimon de spaco kaj tempo, pesis de l' tero kaj atomo pezon. — Astronomo, ĉielesploristo ne vidas stelon, ili eltiris ĝin per nombro el spacoj: „jen — legu".

Kaj li en ciferkabalo legas ĝin neniam viditan kaj signas per punkto sur karto. — Kemiisto, flarserĉanta konstelaciojn de spacospirado, odormondojn de rozoj kaj putrado; fizikisto, kiu aŭskultas ilian tremadon kaj krucigas fulmon de penso kun fulmo de ĉielo en mortlukto pro Vi, ho Dio.

Kun fosiloj marŝas armitaj saperoj de montoj kaj maroj. En fumantaj intestoj de vulkanoj, en malvarmaj skeletoj de granitoj — ili fosas, sekcas la karnon de la malvarmiĝinta globo, en miloj da ĝiaj korĉeloj serĉas fontojn de vivoj travivitaj. El insekto fiksita en sukceno, el diamantiĝinta karbero, el korala insultombaro — diveninte estintecon ili profetas estontajn jarmilionojn, elsilabante kiel ekfloris mortoj el vivoj, vivoj el mortoj. El grotoj kaj marĉoj, kranioj kaj ostoj, el subakvigitaj tombaroj studas ili sanskriton de pasintaj estadoj.

— Kaj post ili — taĉmento post taĉmento — armitaj de kapo ĝis piedoj per ŝtalo de l'penso — diversaj kaj tiel multaj, kaj ĉiu tiel alia, — kaj ĉiuj kune fratoj.

Tiu ĉi modesta abato Gregorio el piro deduktis minacan leĝon de heredeco. Tiu vagulo, per voko „tero", unua salutis novajn landojn. Jen tiu, venkinto, del'esto per: „mi pensas do mi estas": frazo fiera kaj vira.

Tiu el ŝtona kelo eligis praan kodon de Hamurabi. Tiu, instruisto de malgranda vilaĝo, de enviema feino forrabis multkoloran insektoregnon.

Tiu, en cent flugoj vundita, flugilpotencon prenis de birdoj kaj almilitis aeron. Ĉi tiu: reganto sur marfundoj.

Tiu: bierfaristo, el urboj mordataj de epidemio elkondukis virinojn kaj infanojn kaj venkis malamikon — infekton. Jen tiu ĵetis sin sur popolaĉon de vortoj diverslingvaj kaj kunigis ilin en mallibero de unueco. — Tiu subigis mondon de verdaj vegetaĵoj, starigante ilian hierarkion. Ĉi tiu de estaĵreĝo forŝiris kronon: de bestoj leĝdonanto. — Tiu ekmovis sunon de fundamentoj. Ĉi tiu malliberigis dion en geometria formulo. Tiu al sorĉistinaĉo de l'mizero elŝiris pikilon venenan. Tiu triumfe ekvokis: „omnis e cellula cellula".

Por Via gloro, ho Dio.

Kaj, post armitaj taĉmentoj, tendarservistoj, kaj maroderoj, juristoj, inĝenieroj, doktoroj, agronomoj, politikaj kriaĉuloj, popolaĉo industriema, ĉarlatanoj kaj komercistoj — el pecoj de niaj venkoj konstruas por homaj aroj riĉecon, komforton kaj potencon. Ili vendas por spesoj, per raketoj amuzas amason kaj allogas knabinojn.

Ilin ne atentas ni, de Belo kaj Vero kavaliroj. Iufoje alrigardos la plej malĝoja — del'homa animo velanto — kaj ridetos indulgeme.

Kaj kiam ni marŝas tiel, rigardante Vin, ho sankta Pramistero, naiva brusto ĝemspiras: „mizeraj soldatetoj". Ili vidas brunajn vizaĝojn kaj brakojn mallevitajn: ili volonte gastigus solulojn, enkondukus en helan kabanon, — ripozu ili.

Ni mizeraj? — Por ni ripozo? — Plejĝojaj en bataluraganoj, celantaj nekonatajn finojn de flugo libera, okulon kontraŭ okulo kun malamika malhelo, solaj kun Dio mem. — Vi, por ni familio, hejmo, patrujo, Vi, kuraĝo kaj premio, Vi, ligano de iniciitoj. Antaŭ okuloj naskiĝas kaj viriĝas veraŭroroj — kaj novaj, ĉiam novaj misteroj de tiuj veroj — por ni kaj por la heredontoj de trezoro nia, por la filoj de nia Morgaŭo.

El la pola: *M. Arco*



ANDREA DEL VERROCCHIO COLLEONI

# EL MOLE RACHMIM (1)



VIKTOR GOMULICKI (2)

Ĝi estis en la korto de domo hebrea,
Mi kaŝite aperis en loko tiea,
Dum edziĝo de *Icek* (3), malriĉa vatisto,
Kun filino de loka ĉifonajvendisto.
La kort' estis malpura, l' amas' ordinara,
Kelkaj anseroj kriis ĉe stalo najbara,
Sur balkon' sin ventolis litaj' ĉifonita,
Ŝvebis malbonodoro de fiŝo fritita.
Du akacioj mortis de ftizo mordate,
La steloj brilis kvazaŭ kandeloj sabate.
Nek unu nub' tramigris sur ĉiel' plenstela
Kaj nokto estis plena de majesto bela,
*Icek* sub la skarlata staris baldakeno,
En festa rob' vestita, kun pala mieno.
La gastoj estis strata amas' ordinara,
Homoj tage starantaj sur placo bazara:
Makleristoj, vendistoj kaj samprofesiaj,
La febron respegulis vizaĝoj iliaj.
Orumis ilin ĉiujn la vaksaj havduloj, (4)
Kies flamoj timeme flagris en okuloj
Kaj sin interplektinte, kiele amikoj,
Malsupren klinis fruntojn, kvazaŭ kampaj spikoj.
*Icek* vizaĝon kovris per la nazotuko
Kaj iu (ne la pastro) el la festkonduko,
Pli pala ol aliaj, per la voĉo febra
Ekkantis edziĝkanton, sed kun ton' funebra.
Du knaboj akompanis kvazaŭ duonkrie
Kaj l' amas' duonplore kaj duonpasie...
Seninteresa ŝajnis al mi tiu sceno.
*Icek* kvankam sub festa staris baldakeno,
Tre serioze kvazaŭ sur ŝtupo altara,
Por mi estis nur *Icek*, malriĉa, vulgara.
Kaj aliaj ne ŝajnis al mi pli poetaj —
Ĉiuj estis egale al mi homoj etaj,
Kiuj kun sama peno zorge gardas ĉion,
Ĉu barbojn, ĉu havajon, ĉu la religion.
Efekton ne grandigis eĉ luno palhela
Ĵetita de novluno kaj de flam' kandela...
Subite eksilentis lasta kanta sono,
Kun krako malfermiĝis ĉambro ĉe balkono,
Kie inter knabinoj sidis ploretanta
Fianĉino. *Ĥazano* (5) kun voĉo tremanta,
Kun barb' de patriarko kaj okulo bruna,
La patron memorigis, kiu mortis juna
Kaj kiu ne ĉeestis ĉe l' fest' familia.
Tuj liajn vortojn sekvis la plor' tradicia
Kun laŭta ĝem' virina kaj lament' traiga
Kaj eksonis la kanto, la kant' enteriga:

*El mole rachmim*... Kaj kvankam de larmoj plena,
Ĝi ekflugis majeste tra silent' solena,
Portante kordoloron al la trono Dia,
Kiele morton plorus fil' de patro sia.
Poste traigite de tomba mortblovo
Ĝi ŝvelis je malĝojo kaj dolora povo,
La kredon kaj esperon samtempe perdante,
En plendoj kaj virinaj larmoj fluiĝante...
Jam ne de unu tombo, sed de milionoj,
Kiele ploristino per korŝiraj tonoj,
Ĝi kuris tra tombejoj, ploris pri suferoj
De l' gento Izraela, kies ostoj-eroj
Vane kuŝas ĵetitaj ĉie en abundo,
Senfruktaj, kiel grajnoj sur sableca grundo.
Kaj pri tombar' kovrita de malnova ŝimo,
Kaj pri idoj hebreaj kun eta animo,
Pri la nokto eterna de la mallibero.
Kaj fine sen katenoj ĝi, kvazaŭ rivero
Post ventego, rapidis per torent' ŝaŭmanta...
*Ĥazan'* daŭrigis kanton kun voĉo tremanta.
Sur lia frunto fluis ŝvitgutoj abunde,
La sonoj korojn ŝiris ĉiam pli profunde;
Ilin eksentis ankaŭ l' avino malforta,
Kiun la paralizo faris preskaŭ morta,
Per ploro, ĝem', lamento pleniĝis kabano...
Kaj kiam pri Jeruzalem ekkantis *ĥazano*,
Pri la patrin' de ĉiuj varme adorata,
Kiam li memorigis pri sort' senkompata,
Migradoj, persekutoj, turmento kruela,
Kaj pri martir' miljara de l' gent' Izraela,
Pri l' feliĉo por ĉiam, por ĉiam perdita,
Dolor' rapide kreskis pli kaj pli ekscita,
La ĉambron plenplenigis plor' de malespero,
Ĝem' elkora kaj krio pendis en aero...
Mi nun aŭskultis kanton kun sentemocio
Por ĉi amas', plendanta antaŭ Granda Dio,
Fiera je pasinto kaj longa doloro...
En mi admir' vekiĝis, respekto, adoro.
Mi plu ne vidis koton en malpura domo,
Nek vesto min ridigis, nek de *Icek* nomo,
Nek de l' amaso stranga ekstera la formo,
Kaj staris mi revante, kvazaŭ, en maldormo...
La korto plu ne ŝajnis korto ĉe kabano,
Sed floroplena valo ĉe l' ĉarma Libano
Bruanta per murmur' de gigantaj cedrarboj,
La lun' ĝin per arĝentaj heligis lumgarboj,
Ĝin kovris lumigita ĉiel' per kristalo
Kaj blovis varmigita ventspir' tra la valo.
Rigardis ilin ĉiujn Jehov' ridetante,
La valojn kaj la homojn kaj bestojn benante.
De l' amaso al Dio flugis la adoro,
En la aero pendis nard-, safran-odoro...
Mi staris de aromoj ebria ravate,
La steloj brilis kvazaŭ kandeloj sabate...

El la pola: *Dro Leono Zamenhof*

(1) Hebrea preĝo por la mortintoj. („Dio plena de indulgemo").

(2) Pola eminenta poeto, naskiĝis en la jaro 1851, mortis en la jaro 1917.

(3) Polen tradukita la nomo hebrea Izaak.

(4) malgrandaj vaksaj kandeloj, uzataj de Hebreoj ĉe sabato kaj aliaj festoj.

(5) Preĝeja kantisto.

# ROMEO KAJ JULIA

A. STRINDBERG



Iun vesperon la edzo hejmenportis Rolla-Kajeron kaj diris al sia edzino.

— Post vespermanĝo ni ludos kvarmane.

— Kian novan muzikpecon vi alportis? — demandis la edzino.

— Mi aĉetis „Romeo kaj Julia". Ĉu vi konas ĝin?

— Jes, mi konas ... kvankam mi ne memoras, ĉu mi vidis ĝin iam sur scenejo.

— Ho, ĝi estas belega! Ĝi estas ĉiam ankoraŭ antaŭ miaj okuloj, kvankam tio okazis jam antaŭ dudek jaroj.

Post vespermanĝo, kiam oni jam enlitigis la infanojn kaj la domo jam silentiĝis, la edzo ekbruligis la kandelojn apud la nottenilo de la fortepiano.

— „Romeo kaj Julia", jen la plej bela komponaĵo de *Gounod* kaj, kiel mi vidas, eĉ ne estos tro malfacile ludi ĝin.

La edzino ludas nature la primon kaj ili komencas. D-duro. Kvar kvaronoj. *Allegro* ... ktp.

— Ĉu ne, bela? — demandas la edzo, kiam ili estis finintaj la uverturon.

— Jes — respondas la virino iom dube.

— Ni vidu plue — diras la edzo. — Mi ankoraŭ rememoras la majestan orkestron de la reĝa teatro.

Ili komencas marŝon.

— Ĉu ne, grandioza? — diras la edzo tiel triumfe kvazaŭ, li mem estus komponinta „Romeo kaj Julia".

— Ĝi sonas kvazaŭ kuprorkestro, — respondas la edzino.

Nun jam estas traktate pri la honoro kaj bongusto de la edzo. Rapide li foliumas en la kajero, la lunlum-arion li serĉas en la kvara akto. Post longa serĉado li trovas arion por sopranvoĉo, verŝajne ĝi estas tiu.

Denove li komencas.

— Tram ... tram ... tram ... tram ... ĉi tiu akompano estas ... tre facila.

— Do, ĉu vi scias, — diras la edzino, kiam ili estas finintaj, — ĉi tiu muziko estas sufiĉe malforta.

La edzo perdas la humoron, sed li rekonas, ke ĝi estas iel gurdomaniera.

— Jen kion mi pensis dum la tuta tempo, — daŭrigas la edzino.

— Malnovmoda muziko. Kiu estus kredinta ke *Gounod* tiel eluziĝos. Ĉu vi volas ankoraŭ ludi plue? Ni traludu la Kavatinon kaj la Terceton; kvazaŭ eĉ nun starus antaŭ mi la kantistino, estis io ĉiela!

Post kiam ili finis ankaŭ ĉi tion, la edzo tute malheliĝis kaj flankenŝovis la kajeron, kvazaŭ li volus fermi la pordon post la estinteco.

— Ĉu vi volas trinki glason da biero?

Ili altabliĝis kaj trinkis bieron.

— Mirinde — komencis la edzo, — mi vere ne kredis ke ni tiel maljuniĝis, ĉar ni maljuniĝis vete kun „Romeo kaj Julia". Ĝuste antaŭ dudek jaroj mi vidis ĝin en la Operdomo. Mi estis studento kaj la estonteco ridetis al mi. Eĉ nun mi vidas min kun ĝermantaj lipharoj, kun studentĉapo, en la societo de Freĉjo kaj Filipo. Antaŭ kelkaj jaroj ni estis ekkonintaj la operon „Faust" kaj ni estis grandaj estimantoj de *Guonod*. „Romeo" superis ĉiujn niajn esperojn, ĝia muziko tute ravis nin, Miaj du amikoj mortis. Freĉjo, la belespera, estis ia sekretario, Filipo estis medicinstudento. mi mem konkursis je la ministra seĝo kaj



SCHRAMM: PRINTEMPO

fine mi devis kontentiĝi je malgranda ofico. Kiel nerimarkite flugis for la jaroj! Kvankam mi rimarkis la etajn sulkojn ĉirkaŭ miaj okuloj kaj mi vidas ankaŭ ke miaj haroj griziĝas... sed ke tiel ni proksimiĝas al la tombo, tion mi vere ne estus kredinta.

— Jes ja, amiĉjo, ni maljuniĝas: vi povas vidi ankaŭ per la infanoj. Ankaŭ sur mi vi vidas, nur vi ne diras . . .

— Eh, kiel vi povas tiel paroli?

— Mi scias tre bone, kara — daŭrigis la edzino dolorvoĉe, — mi scias ke mi malbeliĝas . . . miaj haroj maldensiĝas kaj baldaŭ elfalos miaj dentoj . . .

— Pripensu ja . . . nun nenio estas daŭra — interrompas ŝin la edzo. — Kvazaŭ ĉio pli rapide maljuniĝus. En la domo de mia patro oni gaje ludis *Haydn, Mozart*, kvankam ili jam estis mortintaj antaŭ longe ol mia patro naskiĝis. Kaj *Gounod* jam elmodiĝis! Estas vere aflikte tiel renkonti nian junaĝan idealon! Kaj kiel terure estas senti nian maljuniĝon! — La edzo stariĝas, denove sidiĝas ĉe la fortepiano, prenas la notkajeron kaj tiel foliumas en ĝi kvazaŭ en la tirkesto de sia skribotablo li serĉadus por malnovaj rememoroj, harbukloj, sekiĝintaj floroj. Liaj okuloj rigide fiksiĝas al la nigraj muziknotoj kiuj estas kvazaŭ etaj birdoj sur streĉita metalfadeno. Li provas; eble li trovos en ili printempajn kantojn, ravajn amvoĉojn, ridantajn trilojn, rozajn tagojn de l' unua amo . . .

Sed ĉio rigardas lin tiel fremde, kvazaŭ sarkherbaĵo estus surkreskinta liajn junaĝajn rememorojn. Jes ja, tiel estas! La klavojn kovras polvo, ilia ligno sekiĝas, la drapo eluziĝas sur ili . . .

Peza sopirĝemo ŝiriĝas el lia brusto poste estiĝas silento.

Subite li diras:

— Estas tamen strange, ke mankas tiu belega uverturo. Tute certe mi memoras pri la uverturo kun harp-akompano kaj la ĥoro sonas jene.

Mallaŭte li zumas la melodion, la tonoj tiel ŝprucas el lia gorĝo, kiel la rivereto el rokfendaĵo, unu tono donas la alian; la vizaĝo de la viro heliĝas, lia buŝo ridas, la sulkoj glatiĝas sur lia frunto kaj liaj manoj serĉas la klavojn. Grandiozaj, fortikaj, kompaktaj akordoj ekmuĝas tra la aero kaj forta, metala virvoĉo kantas la melodiojn. Ankaŭ la virino rekonsciiĝas el siaj pensoj, priatentas kaj demandas mire:

— Kio estas?

— „Romeo kaj Julia"! Jen *nia* „Romeo kaj Julia"!

Li saltas el sido kaj montras la notkajeron

— Rigardu! Antaŭe ni ludis la Romeo'n de l' onkloj kaj onklinoj... legu ja... *Bellini!* Ho, do tamen ni ne estas maljunaj.

La virino rigardas al la brilaj haroj, glata frunto, brilantaj okuloj de sia edzo. Ŝi diras kun ĝojradia vizaĝo:

— Vi estas tia, kvazaŭ vi estus dudekvinjara.

— Kaj vi!? Vi estas kvazaŭ juna knabino! Kian ŝercon faris al ni la maljuna *Bellini!* Tuj mi pensis, ke io ne estas en ordo.

— Ne, kara amiko, al mi venis tio antaŭe en la kapon.

— Certe tial, ke vi estas pli juna ol mi.

— Ho ne . . . vi! . . .

Edzo kaj edzino sidas unu apud la alia kaj ŝerce disputas pri tio, kiu estas el ili pli maljuna kaj ili mirante rigardas unu la alian, kiel estas ja eble ke ili trovis sulkojn kaj grizajn harojn tie, kie ne ekzistas eĉ signeto de ili.

El la sveda: *ERIK D.*

---

# D E V O J I Ĝ O

DE I. L. PEREC



En la silenta radiplena lazuro inter la vicoj de l' arĝentkaj orbrilaj steloj aŭdiĝas sopirĝemo.

— Kiu ĝemas tie, infanoj? — demandas kompate la naĝanta luno kaj ne haltas, ne rigardas malantaŭen por vidi, de kie venas la ĝemo.

— Mi! — respondas malantaŭ ŝi steleto kaj ekbrilas ruĝiĝe.

— Kio mankas al vi, infano?

— Panjo, mi ne povas pli, mi ne plu eltenos!

Eterne, eterne, — plendas la steleto, — eterne la sama vojo, la sama linio!

— La sama precize, — konsolas la luno.

— Inter kiuj limoj?

De kie kaj kien?

Kie estas la komenco, kie estas la fino de la eterna irado? Eble ni iras de nenio al nenio, de malbono al malbono? Kien kondukas nia vojo? Ĉu vi scias, panjo?

— *Li* scias . . .

— Kaj kial do Li ne malkovras antaŭ ni siajn sekretojn? Kial Li ne diras, kion Li postulas de ni? Kion ni faras?

— Ni lumas!

— Malnova respondo, ni lumas por tiuj, kiuj troviĝas malsupre kaj trovas konsolon en nia lumo . . . Ni estas la voj-montrilo por

tiuj, kiuj erarvagas en la stepoj aŭ sin konfidas al la maro . . . Sed ni por ni mem? Ni lumas kaj niaj propraj animoj estas vualitaj, volvitaj en ombro . . . Aliaj vidas per nia lumo kaj ni nem estas pelataj kvazaŭ blinda ŝafaro kaj estas malpermesite al ni halti, ekhalti por momento kaj ekpensi: pro kio? Kaj iri nek pli malrapide, nek pli rapide... Sola, unu fojon por ĉiam mezurita tempo! Neniun halt-atendu, neniun kur-atingu! Al neniu vin turnu dum via vojo!

Kaj ĉiam, ĉiam sola — ĉiu havas sian vojon kaj ĉiu estas soleca sur sia propra vojo . . . Miloj da malfeliĉaj fratinoj kruce-pasas vian voj-linion kaj neniu venas al vi, neniun vi povas saluti — neniun demandi: kiel vi fartas, fratino? Neniu ridetas al vi kaj al neniu vi ridetas! Ni estas tiel proksimaj kaj tiel fremdaj; kaj la koroj premiĝas pro sopiro! Kaj oni sentas sin tiel malaltigita!

— Ni troviĝas ja alte! — konsolas la luno — la malsupraj *nin* envias . . .

— La malsaĝuloj! Ili, kiuj renkontiĝas kaj ĉirkaŭprenas sin, kisas kaj konsolas unu la alian, kaj vivas nur tiel mallonge — ili *nin* envias! Nin orfajn, solecajn, vivantajn eterne aŭ preskaŭ eterne!

„Rigardu, — oni tie fingremontras — steleto fandiĝis en oron . . ."

. . . Ili ne scias ke nia animo fandiĝas tiam pro sopiro.

„Himnon ili kantas, la steloj la feliĉaj steloj", ili malsupre diras, kaj ili eĉ ne supozas, ke inter unu kanto kaj la sekvanta oni tie ĉi ploras, suferas pro sopiro . . .

— Silentu, infano, oni aŭdas, sekvu vian ĝustan vojon.

— Mi ne povas plu!

— Infano! *Lia* volo devas plenumiĝi. Steleto, kiu devojiĝas, estos malsuprenĵetata...

— Kien, panjo? Al tiuj malsupre?

— Ne, infano, pli profunden . . . kaj tie oni estas punata . . . eterne punata. Kiu la mondon kreis, tiu ankaŭ kreis la punon! Terura, supozeble, ĝi estas, peza estas Lia mano!

Milojn, milojn da infanoj mi perdas tiamaniere, kaj neniu revenis por rakonti, kio okazas tie . . . Kiajn turmentojn oni suferas. Kaj grandaj, supozeble, estas la turmentoj; peza estas Lia mano . . . Kaj nenia ĝemo de tie venas supren: en la mallumo ĉio estas sufokata! Kaj eĉ radio supren ne venas de l' punitaj pekuloj — malsuprenĵetite, ili, dum la falado, en la aero estingiĝas. Gardu vin! Pentu pri viaj vortoj!

— Ne, panjo! Malsupren mi volas iri! Suferi mi volas! Eterne suferi, sed konscii, ke tio estas suferoj, kiujn mi *mem* por mi elektis!

*Miaj* suferoj, *mia* volo efektiviĝis!

En oron fandiĝas la steleto kaj forŝoviĝas, kaj fulmrapide ĝi estas malsuprenĵetata, estingiĝante dum la falado en la aero. La luno sopirĝemas kaj naĝas plue; eĉ returne rigardi ŝi ne povas.

El la nov-hebrea: FER VORA



# JUNKMANTELO

EMMA L. OSMOND



Iam vivis riĉa sinjoro kiu havis tri filinojn, kaj li deziris scii, kiom ili lin amas. Do li demandis la plej aĝan:

— Kiom vi min amas, kara mia?

— Tiom, kiom mi amas la vivon — ŝi respondis.

— Bone, — diris li — kaj kiom *vi* min amas, kara mia — li demandis la duan.

— Pli ol mi amas ĉion en la mondo.

— Bonege — li diris.

Tiam li demandis la trian:

— Kiom *vi* min amas, kara mia?

— Mi amas vin tiom, kiom la freŝa viando amas la salon.

Tiam li tre koleriĝis.

— Vi tute ne amas min — li diris. — For el mia domo, tuj!

Do, li elpelis ŝin, kaj fermis la pordon al ŝi.

Ŝi foriris, kaj promenis ĝis ŝi alvenis marĉon. Tie ŝi kolektis junkojn kaj faris mantelon kiu kovris ŝin de kapo ĝis piedo, tutkaŝante ŝian belan vestaĵon. Poste, ŝi promenis ĝis ŝi alvenis al granda domego.

— Ĉu vi bezonas servistinon — ŝi demandis.

— Ja ne! — ili respondis.

— Sed mi ne havas hejmon — diris ŝi. — Mi faros ĉian laboron senpage.

— Nu, — ili diris, — se plaĉos al vi lavi la manĝilaron kaj purigi la vazojn, ni permesos al vi resti.

Do, ŝi restis kaj lavis la manĝilaron kaj

purigis la vazojn, kaj faris ĉian laboron. Ŝi ne diris sian nomon, do ili ŝin nomis Junkmantelo.

Unu vesperon, ĉe proksima domego, okazis granda balo, kaj la servistinoj iris por vidi la genobelojn. Junkmantelo diris, ke ŝi estas tro laca kaj deziras resti hejme. Sed tuj post ilia foriro, ŝi demetis la junkan mantelon, purigis sin kaj iris al la balo, kaj ŝi estis la plej bela el ĉiuj.

Nu, la filo de ŝia mastro ĉeestis kaj dancis nur kun ŝi. Antaŭ la fino de la balo. Junkmantelo subite malaperis, hejmeniris. Kaj kiam la aliaj revenis, ŝi ŝajne dormis.

Proksiman matenon ili diris al ŝi:

— Ho, Junkmantelo, vi ja estas malbonŝanca! Kia bela vidindaĵo ĝi estis!

— Kio estis?

— La plej bela iam vidita sinjorino, tute belege vestita. La juna mastro rigardis nur ŝin dum la tuta tempo.

— Mi treege deziras vidi ŝin — diris Junkmantelo.

— Vespere okazos alia balo; eble ŝi ĉeestos.

Sed vespere Junkmantelo denove diris, ke ŝi estas tro laca iri tien. Tamen, tuj post ilia foriro, ŝi demetis la junkan mantelon, purigis sin kaj iris al la balo.

La mastra filo tre ĝoje revidis ŝin kaj tuttempe rigardante ŝin, dancis nur kun ŝi.



MARK: PRINTEMPA DANCO

Antaŭ la fino de la balo ŝi ree malaperis, kaj, vestita en la junka mantelo, ŝi ŝajnigis dormi kiam la aliaj revenis.

Proksiman tagon, ili denove diris:

— Ho, Junkmantelo! Vi devus esti ĉeestinta por vidi la belan sinjorinon. Tie ŝi estis, brile kaj bele vestita, kaj la juna mastro neniam ĉesis rigardi ŝin.

— Nu, — ŝi diris — certe plaĉus al mi ŝin vidi.

— Vespere okazos tria balo, kaj vi devas iri kun ni, ŝi nepre ĉeestos.

Ree ŝi diris, ke ŝi estas tro laca. kaj malgraŭ iliaj penadoj, ŝi restis hejme. Sed tuj kiam ili foriris, ŝi faris same kiel antaŭe. La mastra filo tre ĝoje ŝin vidis kaj dancis nur kun ŝi. Kiam ŝi rifuzis diri sian nomon kaj loĝejon, li donis al ŝi ringon, dirante, ke li mortos se li ne revidas ŝin.

Antaŭ la fino de la balo ŝi faris same kiel antaŭe, kaj ŝajne dormis kiam la aliaj revenis.

Proksiman tagon ili diris:

— Ho, Junkmantelo! Vi ne venis hieraŭ kaj vi ne povos vidi la sinjorinon. ĉar ili ne plu dancos.

— Mi treege deziras, ke mi vidu ŝin — ŝi diris.

La mastra filo ĉiel penis eltrovi, kien la sinjorino iris, sed malgraŭ siaj ĉieaj serĉoj kaj demandoj li nenion aŭdis pri ŝi. Li pli kaj pli amis ŝin ĝis li tiel malsaniĝis, ke li jam ne povis ellitiĝi.

— Faru kaĉon por la juna mastro, — oni diris al la kuiristino — li mortas pro amo al la sinjorino.

La kuiristino komencis ĝin fari, ĵus kiam Junkmantelo eniris.

— Kion vi faras? — si demandis.

— Mi kuiras kaĉon por la juna mastro, li mortas pro amo al la bela sinjorino.

— Permesu, ke mi faru ĝin — ŝi petis.

Unue la kuiristino rifuzis, sed poste ŝi konsentis, kaj Junkmantelo faris la kaĉon. Kiam ĝi estis preta, ŝi kaŝe enmetis la ringon antaŭ ol la kuiristino portis ĝin al la juna mastro. Li ĝin trinkis kaj vidis la ringon.

— Kiu faris la kaĉon? — li demandis.

— Mi — respondis la kuiristino tre timigita.

Li rigardis ŝin kaj diris:

— Ne, ne *vi* tion faris. Diru, kiu tion faris, kaj nenio malutilos vin.

— Estis Junkmantelo.

— Sendu ŝin al mi.

— Ĉu *vi* faris la kaĉon?

— Jes, ja! — ŝi respondis.

— De kiu vi ricevis tiun ĉi ringon?

— De tiu, kiu donis ĝin al mi — ŝi diris.

— Kiu do vi estas?

— Mi montros al vi.

Kaj ŝi demetis sian junkmantelon kaj tie ŝi staris en sia bela vestaĵo.

Nu, la majstra filo rapide resaniĝis kaj post nelonge la edziĝo estis aranĝata. Ĉiuj, proksime kaj malproksime, estis invititaj, inter ili la patro de Junkmantelo, sed ŝi ne diris al li kiu ŝi estas. Antaŭ la edziĝfesto ŝi diris al la kuiristino:

— Pretigu ĉian manĝaĵon sen eĉ unu ero da salo.

— Tio estos treege aĉa — diris la kuiristino.

— Tute ne gravas — respondis Junkmantelo.

La edziĝtago alvenis, kaj post la edziĝo la gastaro altabliĝis por manĝi.

Kiam ili ekmanĝis la viandon, ĝi ŝajnis tre sengusta. La patro de Junkmantelo provis unu pecon post la alia, kaj fine ekploris.

— Kio okazis? — demandis la mastra filo.

— Ho ve! — li respondis — iam mi havis filinon kaj mi demandis ŝin kiom ŝi min amas; ŝi respondis: „Tiom, kiom la freŝa viando amas la salon.“ Sed mi opiniis, ke ŝi ne amis min, kaj mi elpelis ŝin el mia domo. Nun mi komprenas, ke ŝi amis min pli ol la aliaj. Kaj eble ŝi estas mortinta.

— Ne, patro, jen mi estas — diris Junkmantelo.

Kaj ŝi iris kaj enbrakigis lin. Poste ili ĉiuj vivis feliĉe.

EL LA PROGRAMO DE KABAREDO „VERDA KATO“ PARIZO

## LA STRANGA AVENTURO DE GRAFO DORMANSKI



En Rusujo bolŝevika,
Dum la Ŝtatrevolucio
Oni aŭdis pri unika
Fakto de la Historio.
— — — — — —
Bolŝevikoj sangavidaj,
Filoj de blindiga ruĝo,
Estis tre rapiddecidaj
Ĉe komdamna pun-aljuĝo.

Ili buĉis sen kompato
— Pro Justec' revolucia —
Ĉiun viron en la ŝtato,
Kiu estis senmetia.

Ili al la tribunaloj
Ĉiutage iun trenis,
Kies manoj, ĉar sen kaloj,
Dum labor' neniam penis.

Se ĉi tiu ne sukcesis
Esti ruza advokato,
Lian kazon fin-procesis
Senkapiga sabrobato.
— — — — — —
Vivis tiam en kastelo
Graf' Dormanski, parasito,
Kies sola vivocelo
Ŝajnis „kuŝi en la lito“ —

Kaj ĝin sciis la urbanoj,
Ke li senlabora estis;
Ĉu mirige? Policanoj
Iun tagon lin arestis!

Kaj la Grafo senprudenta
Antaŭ Tribunalo staris,
Dum kozako kompetenta
Sian sabron jam preparis.

Nia Grafo krokodile
En poŝtukon multe ploris,
Sed subite, fulmobrile
Sava penso lin traboris!

Tuj li petis esperplena
De l' juĝeja prezidanto
Ke l' procedo ekzamena
Estu nur en Esperanto.

La juĝistoj dolĉanime
Cedis al ĉi tiu peto;
En mondlingvo bonesprime
Komenciĝis la enketo:

„Graf' Dormanski, la akuzo
Diras, ke vi sen merito
Vian vivon post amuzo
Nun pasigas en la lito; —

Ĉu vi montros argumente
Ke ĝi estas hom-metio?“
Kaj li diris: „Evidente
Tio estas profesio!

Se mi vivas en la lito,
Tio pruvas kun bontrafo,
Kun logiko kaj kun sprito,
Ke mi estas . . . *litografo!*“

Kaj ĉi tiu ŝercdeklaro
Tre sukcese lin defendis,
Ĉar ridanta juĝistaro
Lin gratule hejmensendis . . .
— — — — — — —
Sed nun sekvas Epilogo
Al ĉi tiu mira kanto:
Nia grafo filologo
Turnis sin de Esperanto!

Li konvertis sin al Ido,
Kiu estas pli scienca,
Ĉar . . . „neniu koincido
Faras vorton dubosenca!!“

RAJMUND SCHWARTZ
de la Verda Kato.



# VARMO DE L' KOROJ

A. TRUEBA*



n malproksimo, kie finiĝas vastega ebenaĵo semita per blankaj kampardometoj videblaj de mia fenestro, troviĝas verda kaj profunda valo. Sur ĝia fundo fluas rivero ĝis la ebenaĵo kaj laŭ la rivero supreniras vojo al mia vilaĝo.

Apud mia domo staras alia domo, varmigita per riĉaj tapiŝoj kaj brulantaj fornoj kaj diafanaj vitroj. Ĉe fenestro de tiu domo sin apogas ofte bela knabeto, kiu rigardas la orientan montaron, dum mia rigardo ripozas sur la okcidenta ebenaĵo.

Jam de antaŭ du tagoj mi ne plu vidis tiun knabeton ĉe l' fenestro, sed mi vidis lian patrinon gajan kaj ĉarman kaj ŝin mi demandis: Kie estas la infano, kiun mi ne plu vidis la lastajn du tagojn?

Kaj ŝi respondis: Li forkuris al la vilaĝo.

Mia najbarino malaperis de l' fenestro kaj mi ankoraŭ rigardis la ebenaĵon kaj pensis pri la knabeto, dum mi preskaŭ ploris, ĉar lia forkuro malgajigus eĉ pli malmolajn korojn ol tiu, kiun mi ricevis de Dio.

Trans la montaro, kien ofte rigardis la knabo, troviĝas vilaĝo inter kastan- kaj juglandarbaro, tute kiel mia propra vilaĝo.

Apenaŭ la infano naskiĝis, la patrino, timante pri perdo de sia beleco, se ŝi mamnutrus la filon ĝermintan en ŝia internaĵo, konfidis tiun altan taskon al malriĉa vilaĝanino ricevonta mizeran salajron.

Kaj la infano naskita en domo varmigata per riĉaj tapiŝoj kaj brulantaj fornoj kaj diafanaj vitroj vivis en malriĉa vilaĝa domo, kie traĉie penetras vento kaj pluvo.

Apenaŭ la lipoj de tiu anĝelo ektuŝis la bruston de l' vilaĝanino tiu ĉi jam nomis lin filo; kaj ŝi ridis per sankta rido, dum li apud ŝia brusta varmo kreskis kaj koloriĝis kiel rozo; kaj ŝi kortremis pro ĝojo kaj amo, kiam ŝi ekaŭdis la dolĉan nomon patrino, per kiu ŝin vokis la infano forĵetita de l' patrino propra.

Bela kaj feliĉa li kreskadis en la ombro de l' kastan- kaj jugland-arbaro, en la vilaĝo. Tie viro kaj virino nomis lin filo, geinfanoj nomis lin frato; tie koroj malĝojis, se li estis malgaja kaj ĝojis kiam li estis kontenta.

Kaj la malriĉa vilaĝanino jam ne plu; kuraĝis veni al la urbo por enspezi kelkajn arĝentajn monerojn de la riĉa kaj bela sinjorino, malgraŭ ilia peno en la akiro de pano por la familio, ĉar ŝi timis reiri la vilaĝon plorante pro la sciigo ke oni reprenos de ŝi la filon.

En melankoliaj aŭtunvesperoj, kiam ŝi kaj ŝia adopta filo grimpis la montaron por rikolti la frukton de l' kastanujoj kaj ili vidis tie, en malproksima fundo de l' valo, la turojn de riĉega urbo, la filo kaj la patrino ploris kaj ĉirkaŭbrakis unu la alian.

Fine estis reprenita la filo de ĉe la malriĉa vilaĝanino, malgraŭ la peto de ŝi kaj de ŝiaj edzo kaj gefiloj, kaj ĉiuj ploris surgenue kaj petis kompaton, por ke la senkonsoleco ne plenigu ilian hejmon.

En la malriĉa vilaĝo, kaŝita inter kastan- — kaj juglandarbaro kiel mia propra vilaĝo, troviĝas hejmo kie viro, virino kaj geinfanoj ĉiumomente parolas kortuŝe pri forestanta knabeto, kaj ili rigardas tra la fenestroj, ĉu li revenas, kaj kiam ili vidas lin revenanta tra l' arbaro, ili krias ĝoje kaj iras al li renkonte, kaj kisas lin, kaj ĉirkaŭbrakas lin, kaj la malriĉa virino lin nomas filo de mia animo, kaj ŝi viŝas lian fruntan ŝviton per sia antaŭtuko, kaj ŝi rigardas, ĉu liaj piedoj estas malsekaj, kaj butonumas lian jakon, por ke li ne malvarmumu, kaj hejtas la kamenon, kaj ŝi donas al li iom da vespermanĝeto, ĉar ŝi supozas, ke li tuj mortos pro malsato.

Kaj se oni demandas la knabeton, kial li pli amas la vilaĝan ol la urban hejmon, li respondas: — Ĉar en la urbo estas al mi tre malvarme.

Varmo de l' koroj multe pli valoras ol tiu de tapiŝoj kaj fornoj!

El la hispana: *FELIKSO DIEZ*

* Plej fama norda popola kantisto de Hispanlando. Liaj delikataj verkoj distingiĝas pro ilia simpleco koresprimoj kaj morala sento.

## BELA VI, ARBARO MIA (HUBAVA SI, MÓJA GÓRO)

VORTOJ DE LJUBEN KARAVELOFF — TRAD.: IVAN H. KRESTANOFF

Kanto

Be- la vi ar-ba-ro mi-a o-do-ras ju-ne-con, Be- con

Piano

Sed lo-ki-gas en la ko-roj so-le mal-ga-je-con. Sed -con

## AMBICIA JUNULO — MIZONO

FABLOJ DE FLORIAN

Demandis patron sian filo juna
pri kariero kaj la viv' fortuna;
„Instruu min, ho patro kara,
pri vojo certa, senerara,
sur kiu mi sen zorgo iros
kaj decan riĉon mi akiros."
„Ekzistas, filo kara mia,
la vojo certa, tradicia,
ĝi estas peno solidara
por la patrujo nia kara!"
„Ho, ĝi ja estas tro peniga..."
„Nu, jen al ci la voj intriga!„
„Ho, tio estus tro malnoble
kaj krome riskus mi duoble...
Sen la malvirto, sen la risko
mi volus vivi ĉe la fisko..."
„Do, tiam estu ci kreteno
kaj ci sukcesos sen ĉagreno!

Mizono fama en praaĝo
pro sia amo al la saĝo,
eklo ĝis en arbar' silenta.
Li tie vivis tre kontenta,
la homaferojn li evitis,
laboris, kantis kaj meditis,
rikoltis, semis, hakis, segis,
kaj iufoje gajridegis . . .
Beltagon iun du Helenoj
vizitis lin kun mirmienoj
kaj diris al bonermito
kuŝanta pace en medito:
„Mizono, ni kelkjoje vidas,
ke vi ĉi tie gaje ridas,
kaj tamen vivas vi izola . . .
Do, kial ridas vi tutsola?"
Respondis li kun pura kor';
„Ĉar vivas mi de l'homoj for!"

El la franca: PETRO STOJAN (L. K.)



PAUL VERLAINE

# MONDLITERATURA OBSERVO

LA SENMORTA HORO. — La Senmorta Horo, opero de brita komponisto *Rutland Boughton*, ĵus atingis la centan prezentadon ĉe la Reĝent Teatro en Londono. La muziko estas rava, melodia, emociplena. La unua scenaĵo bele esprimas la ideon de poezia mistero, kaj akre kontrastiĝas kun la brila scenaĵo de la dua akto: kun la palaco de la irlanda altreĝo.

La opero priskribas la emociojn de senmortulino, kiu partoprenas la malĝojojn de mortemuloj. En la unua sceno, *Dalua*, mistera potenculo, kantas al malklare vidataj estaĵoj en arbaro. Li scias, ke *Etain*, unu el la „Ŝi" aŭ fearo, forlasis la landon de Kordeziro, kaj malkontente vagadas, serĉante feliĉon. Li ankaŭ scias, ke *Eochaidh* (elp. Jokej), altreĝo de Irlando, laca de milito, malpaco, kaj ŝtata ceremonio, sopiras la senmortan horon de amo, do li alvokas la feojn, ke ili konduku al li, pli belan ol morteman, junulinon. *Dalua* sciigis al *Etain*, ke ŝi renkontos reĝon kiu amos ŝin, „Sur lin mi metos mian tuŝon, tuŝon de timindulo, kiu teruras homojn, li havos la frenezecon kiun li deziras, pensante ĝin saĝeco". *Etain*, influata de *Dalua* iras al ĉasista loĝejo, kaj *Eochaidh* eniras la arbaron, kie *Dalua* salutas lin, „La reĝo estas bonvena." La reĝo, sola, malproksime de la palaco, miras aŭdante sian nomon, kaj klarigas al *Dalua*, ke li venas, „kondukita de sonĝoj kaj vizioj." *Dalua* promesas, ke li montros al li, „la fonton de ĉiuj sonĝoj, la misteran fonton de Beleco".

La dua sceno okazas en la kabano de la ĉasisto *Manus*. Li kun sia edzino *Maive*, gastigas *Etain* dum ventega nokto. La reĝo venas, sed kvankam torente pluvas, *Manus* surprize rimarkas, ke la reĝa mantelo estas tute seka. „Ne malsekiĝas li, nek restas sur li unu pluva guto."

Frapita per la beleco de *Etain*, la reĝo deziras pasigi la nokton tie, kaj dum la dormo de *Manus* kaj *Maive*, la reĝo malkaŝas al *Etain* sian amon. Ŝi respondas: „Mia estro, mia reĝo", dum ekstere aŭdiĝas mokridoj kaj malproksima kanto. Aŭskultante ilin, *Etain* forgesas la reĝon kaj rememoras la forlasitan landon, Landon de Kordeziro.

La dua akto okazas post unujara intertempo. *Eochaidh* festas la brile vestitan reĝinon en la reĝa *Dun* (aŭ Kastelo) en la ĉeesto de siaj korteganoj, bardoj, soldatoj, kaj druidoj. „Je nokto finanta tutjaron de ĝojo ili kune festenos." Li deziras, ke la reĝino parolu al ili, sed ŝi dankante ilin, diras: „Mi estas laca pro konfuzaj sonĝoj, trifoje revenantaj, kaj adiaŭante la reĝon. — „Adiaŭ, mia kara, mi laciĝis" — ŝi eliras. La ceremonio finiĝas, kaj la reĝo restas sola krom por maljuna bardo. Fremdulo eniras, *Midir*, fea princo. Li diras, ke li estas reĝa filo, kaj petas favoraĵon, *Eochaidh*, laŭ la fido de reĝo, promesas doni ion ajn petotan; kaj la princo diras.

„Ho reĝo! nur malgranda peto.  
Ke miaj propraj lipoj tuŝu  
La blankan manon de l' reĝino."

La reĝo maltrankviliĝas, sed respondas.

„Mi volus, ke la favoraĵo  
Nur estus io ajn alia,  
Ĉar nun dormadas la reĝino,  
Pro sonĝoj, laca kaj malĝoja.  
Sed ĉar mi donis mian vorton,  
Vorton de reĝo, tiel estu."

Li sendas al la reĝino, kiu venas en la simpla vestaĵo portita dum ŝia unua renkontiĝo kun la reĝo. *Midir* denove kantas la kanton, kiu finis la unuan akton.

„Kiel belaj le nobluloj,  
Kiuj loĝas en montetoj,  
En montetoj kavernhavaj."

Tiu mistera kanto ensorĉas *Etain*, kaj malvole ŝi sekvas la princon al la lando de la Senmortuloj. Al la soleca, forlasita reĝo venas *Dalua*, kaj *Eochaidh* petegas. „Miajn sonĝojn, miajn sonĝojn, redonu miajn sonĝojn." *Dalua* tuŝas lin, dirante, „Neniu restas krom ĉi tiu — la mortsonĝo."

Laŭ la granda, entuziasma aŭdantaro estas kredeble, ke la angla publiko laciĝis de laŭmodaj komedioj kaj problemdramoj, dezirante ion pli belan, homecan kaj emociplenan; ĝi emas al beleco kaj poezio. Sro. *Rutland Boughton* meritas gratulon pro lia ĉarma muziko kaj sukcesplena prezentado de la sonĝsimila kelta libreto de *Fiona Macleod*. EMMA L. OSMOND

Pri LA TIMO JE AMO temas la plej nova romano de *Henry de Regnier*. Li estas akademiano, kies ĉiu poemo estas kvazaŭ festa okazaĵo en la franca literaturo, kies ĉiu verko estas arte ĉizita, delikata juvelo, kiu estas eble la plej polurita, plej delikata el la nuntempaj francaj poetoj. Krom siaj poemoj li verkis kelkajn historiajn romanojn, poste el la subtila atmosfero de la lirikaj poemoj kaj el la stilita perspektivo de la historia romano li subite transiris inter la problemojn de la hodiaŭa vivo kaj verkis romanon pri la reaperanta estinteco, pri la eterneco de la animo. Kaj nun pri iu, kiu timas la amon. La klasika poeto kaj la delikata majstro de la historia romano fariĝis per ĉi tiu sia verko nova, granda, moderna romanverkisto, laŭ multaj rilatoj disĉiplo de Flaubert kaj Bourget, sed pli poezia, pli komprenema ol ili, majstra kaj brila desegnanto de la amaj luktoj, de la nesatigebla sopiro, de la dezirplenumiĝo, tamen neniam kruda, neniam, perforta en sia subtile sentigita erotiko.

La heroo de la nova romano estas Marcel Renaudel, sur kiu peziĝas unu el la plej grandaj ŝarĝoj, li estas filo de la granda pesimista verkisto Paul Renaudel. La trompiĝoj, malhela mondrigardo, doloro kaj rezignemo de la patro premas ankaŭ la vivon de la junulo; li elkreskas, kiel mizantropo, ne povas kredi al la virinoj, ne kredas eĉ je sia propra amo. Vivi kiel malgranda filo de granda patro estas tragedia sorto, ĉi

tiun tragedion rakontas al ni Henry Régnier kun brilanta arteco. Marcel Renaudel amas, li amas sian infanaĝan kunludantinon. sed li rezignas pri ŝi, lasas ŝin edziniĝi al alia kaj rifuzas ŝian amon ankaŭ, kiam ŝi, kiel la edzino de alia, proponas sin al li. Poste la animaj krizoj malsanigas Marcel'on, lia pentristo-amiko portas lin al Venecio kaj en la malsano, en la konvulsia kroĉiĝo al la vivo, en la morttimo li rekonas la valoron de la vivo. Ankaŭ lia amatino trompiĝis, ili renkontas sin. En Venecio ili pasigas kune monaton ebrian de plezuro, sed nun jam ne la ĉastan kaj honteman virinon li akiris, la amo havas grandan prezon, malnova amato de la virino mortpafas la junulon en duelo. Do plenumiĝas la pesimista profetado de la patro pri Marcel Renaudel kaj la virino iras plue, vivas sian vivon, sed jam ankaŭ ŝi kun doloroj, ankaŭ ŝi sub ŝiraj konsciencriproĉoj.

Paĝoj estas skribitaj pri Venecio en la libro kaj la senmorta urbo apenaŭ vivas pli vivan vivon, ol en ĉi tiu romano. Nur tiel plej profunde poezia animo, kiel Henry Regnier, povis tiom vivigi la pramalnovajn palacojn, ĝardenojn, lagunojn, marmorkolonojn,, mallarĝajn, stratojn, gondolojn, eĉ en senŝanĝeco eterne ŝanĝiĝeman kaj moviĝeman vivon de Venecio. Tiu parto de la romano estas la plej bela himno pri la Reĝino de la Maroj. — g.

SIDDHARTHA estas la titolo de la nova romano de *Hermann Hesse,* kiu ne senmerite estas eble la plej ŝatata kaj plej populara romano de la ĉi jara germana librofoiro.

La Budhismo estas nun en modo. Modoj ne estiĝas senkaŭze kaj la orientiĝo al la filozofio de l'Oriento havas sian profundan kaŭzon. Ni havas post ni jarojn plenegajn de premanta maltrankvilo kaj ĉi tiun orientiĝon diktas sopiro, kies celo estas kvieto. La plej granda valoro de la Hesse-a romano estas ke en liaj romanheroој klare kaj nemalkompreneble esprimiĝas ĉi tiu penso: batalo inter maltrankvilo kaj kvieto; baraktado de homa animo tra ĉiuj maltrankviloj, kiuj konsumas ĉi tie, en okcidento, pli aŭ malpli multe, nin ĉiujn; kaj alveno en la kvieton kiu estas definitiva celo de la homaj sopiroj de ĉiuj orientaj filozofioj.

Siddhartha, filo de brahmino serĉas la vojon de la granda, definitiva kono. Li pasigas jarojn en la servo de brahmino, li ĝuas tie bonhavon, senĝenan vivon, aŭtoritaton. Sed ĉio ĉi ne povas kontentigi lin. Li sentas, ke tiu ĉi vojo ne kondukas al la granda, fina, kosma unueco, al la 'atman', kies nur eta polvero li estas, sed kiu tamen enestas vive en ĉiu tia polvereto. Tute priforgesi sin mem, tute neniigi sin mem, jen estas por li la definitiva celo, jen estas, laŭ lia kredo, la plej granda, atingebla feliĉo. Kun sia plej fidela amiko Govinda li ekiras por serĉi la veran vojon inter la pentofarantaj, memturmentantaj *samanoj.* Li ellernas la miraklojn de l' asketeco, ĉion kio estas atingebla per pacienco, volo, sindeteno kaj medito, sed ĉio ĉi ne estas por li pli ol la ebrio por malsobrulo: ili donas nur provizoran priforgeson sed ne dissolviĝon plenan kaj definitivan. Nun disvastiĝas la famo, ke Budho iradas sur la tero kaj lernas. Ili pilgrimas al li, sed nur Govinda restas, Siddharta sentas ja la sanktecon de Budho, sed por li estas ĉi tio nur duonvojo, li volas lerni sola. Li venas en urbon, tie li ekkonas per kurtizano la amon, per komercisto la pasion de l'riĉiĝo, li fariĝas riĉa, ekamas la ĝuon de l'vivo kaj dume ĉiam pli malalta fariĝas lia spirito, ĉiam pli aĉa lia animo. Fine li eksentas naŭzon, rekonas sian mizeron, denove rifuĝas de si mem, jam pensas pri sinmortigo. Tiel li venas al la rivero, kiu fariĝas lia majstro, pli vera ol ĉiuj antaŭe. Kvazaŭ li estus ree infano, li komencas denove sian vivon. La rivero instruas lin silenti kun malfermita, atendanta animo, sen pasio kaj sen sopiroj, sen juĝo kaj sen opinioj. Humile li ellernas la definitivan kvieton. Li rekonas tie, ke en la multaj eraroj, sur la serĉantaj vojoj de sia vivo li bezonis la kulpojn kiujn li faris, la plezurojn, kiujn li ĝuis, li bezonis ĉiujn vantaĵojn, ĉiujn homajn pekojn por atingi la definitivan plenumiĝon, la definitivan rezignon, kiu rekonas ke estas vane sopiri la neatingeblan. Kaj la vera feliĉo, la vera dissolviĝo en la granda kosma unueco — estas ĉi tiu kvieta kontentiĝo kaj silenta amo al la aferoj de la mondo. Blankhara maljuna boatisto mortas sur la bordo de l' rivero kvietiĝinte, pli sankta kaj pli saĝa ol la ekiranta brahmino, ol la *samano,* ol la disĉiplo de Budho, ol la amato de la kurtizano, ol la riĉa komercisto.

La plej granda merito de Hesse estas ke ĉi tiu unuavice filozofia romano donas la filozofion ne en vortoj kaj pezaj frazoj sed en okazaĵoj: ĉu en eksteraj okazintaĵoj de homa vivo, ĉu en internaj travivaĵoj de homa animo. Delikate ĉizita stilo, puraj, noblaj intencoj klarigas la grandan interesiĝon kaj laŭdon, kiujn la verko trovis inter la germana legantaro. — t.

H. G. WELLS, kiu ne nur en siaj teoriaj, sed ankaŭ en siaj beletristikaj verkoj okupas sin pri la plej profundaj sociaj problemoj kaj evoluciaj demandoj, serĉas ankau en sia nova fantazia romano la vojojn al la imagita ideala aranĝo de la homa socio. La romano temas pri la *kopioj de Dio,* kiuj estas civitanoj de imagita lando, vivantaj en perfekteco, pureco, libero kaj sano. Kiel en unu el liaj antaŭaj verkoj, en la „Sekretaj anguloj de l'koro" la heroon de lia romano portas la malgranda motorbiciklo en multajn aventurojn de la reala vivo, tiel same estas portata en lia nova romano Mr. Barnstaple al sia aventura, sed jam ne surtera vojo.

Mr. Barnstaple rifuĝas de sia edzino kaj de siaj tri tropetolaj infanoj por iom da libertempo, kaj kiam lia veturilo kuras sur la vojo, jen, li aŭdas strangan sonon, kvazaŭ kordo de liuto estus ŝiriĝinta, la veturilo leviĝas, turniĝas kaj hop, li jam alvenis Utopion. Ne sola li alvenas, la sama miraklo alportas du veturilojn plenajn de teraj rimarkinduloj, de diplomatoj, pastroj, gazeteldonistoj, aktoroj, kaj similaj. La utopianoj kaj la terloĝantoj renkontiĝas. Ili interparoladas, komparadas la du malsimilajn civilizojn, kaj fine Mr. Barnstaple revenas sur la teron.

Wells refoje kun mirinda rutino konstruas bildon de socio, dum alian socion li detruas per forta kaj tranĉa kritiko, tra grandiozaj figuroj kaj karikaturoj. Inter senĉesa komparado, inter ekscitaj aventuroj ni vidas konstruiĝi la bildon de tiu Utopia lando, en kiu li gvidas nin. Ĝi estas la lando de l'perfekteco, la lando de l'korpa kaj anima sano. Tie ne estas malsanoj, nek portantoj de malsanoj. Ne estas malpuraĵo, ne estas detrua senmoraleco, nek humiliĝo, nek kompromisoj. Oni kontrolas la naskiĝojn, prudento kaj digno estas la ĉefaj virtoj de la loĝantoj, eduko donanta la plej puran scion faras superflua la punon. Estas nek parlamento, nek juĝistoj, superflua estas la tuta cetera limiteco de la tera socia vivo. Vidante ĉi tiun bildon kvazaŭ estas prava la tera militministro de la romano, kiu opinias, ke estas io nehoma en ĉi tiu puriĝinta mondo, ke la loĝantoj de la mistera lando perdis en ĉi tiu pureco, prudenteco, senmemama sinofero ankaŭ tre multajn, simpatiajn homajn erarojn kaj peketojn. La elokventeco kaj arto de H. G. Wells estas necesaj por tio ke oni povu imagi al si ĉi tiun idealan mondon, sed ĉi tiuj faktoroj en plena forto efikas en la libro. Do ne estas surprize, ke kvar semajnojn post sia apero ĝi jam estas unu el la plej diligente legataj libroj en Anglujo. *(—g)*

## BIBLIOGRAFIO

STAMATOV: NUNTEMPAJ RAKONTOJ. El bulgara lingvo tradukis I. H. Krestanoff. Eldono de la Internacia Mondliteraturo, Hirt kaj Sohn, Leipzig.

Strangan impreson postlasis en mi ĉi tiu interesa novelkolekto, ian amaran postguston, kvazaŭ ian premon de animo. La aŭtoro estas satiristo, sed satiristo sen rido, sen subjektiva enmiksiĝo en la aferoj. Li ne juĝas, li rakontas kvazaŭ dirante: jen estas vi, viroj kaj virinoj, edzoj kaj edzinoj, artistoj kaj publiko, idealistoj kaj realistoj, jen estas vi, mi montras vin al vi mem kaj mi ne komentarias, vidu vin mem kaj formu vian opinion pri vi. Tamen ĉi tiu objektiveco estas nur ŝajno, ruza ŝajnigo de la artisto, kiu povas majstre kaŝi kaj tamen klare montri sian opinion per siaj temoj. Kaj kiam mi malkaŝis por mi ĉi tiun sekreton, la verko ŝajnis al mi subite kvazaŭ lirika verko, kvazaŭ aro de lirikaj poemoj en kiuj pesimista kaj rezignema koro elploras sian doloron pri mondo, sian malesperon pri homoj, sian malkontenton pri vivo — sub la masko de objektiva rakontado.

Kaj komprenínte ĉi tion ni komprenas la tutan labormanieron de la verkisto. Ĉi tiuj malhelaj temoj, kvankam la arto donas al ili la ŝajnon de plej efektiva vivo, ne estas ĉerpitaj el vivo, sed projekciitaj el la malhelaj profundoj de pesimista animo. Aliaj poetoj esprimas sin per vortoj, komparoj, per rekta parolo, Stamatov elparolas siajn sentojn per priskribitaj okazintaĵoj.

Lia tem-plektado estas frapanta. Li ŝatas la akutajn krizojn, la situaciojn balanciĝantajn sur tranĉil-akraĵo. Kelkfoje oni antaŭscias ke ie estas kaŝita bombo kaj oni time atendas ĝian eksplodon. Alifoje la bombo eksplodas tute neatendite, surprize. La noveloj estas interesaj en la plej forta senco de la vorto.

Al mi pleje plaĉas la du lastaj noveloj, la unua pro la interesa psikologio de la geedza vivo, la alia pro la majstra desegno de la malgrandurba vivo.

La traduko estas modela, ĝi havas tiun perfektecon (por mi la plej grandan) ke la tradukisto sin kaŝas nerimarkebla kaj lasas paroli sole la aŭtoron.

Ke ni tamen ne finu sen lingvaj rimarkoj (ni ne volas fari tute novan modon en Esperantujo), ni mencias ke al ni pli plaĉus la uzo de kondicionalo post „kvazaŭ", anstataŭ *pluen* kaj *returnen* ni preferus *plue* kaj *returne*, la uzo de *eco* ŝajnas al ni kelkfoje ne tute necesa, kaj anstataŭ *je* ni uzus kelkfoje difinitan prepozicion. Sed ĉi tiuj rimarkoj eldiras plejparte nur personajn preferojn pri aferoj ne definitive deciditaj. KOPAR.

RICEVITAJ LIBROJ:

*Th. Cart, Korekto de la eraraj Tradukoj en „Universala Vortaro,"* (kun aprobo de la L. K.) Germana parto. Kajero 15×24 cm. Prezo 0·30 M×ŝlosilnombro, por bonvalutaj landoj 0·30 Fr. svis.

*Poŝkalendareto por esperantistoj 1923.* — 8×11·5 cm. 80 paĝoj. Riĉa enhavo kun portreto de Zamenhof. Prezo 0·50 M × ŝlosilnombro. — Por bonvalutaj landoj 0·50 Fr. svis.

*Das deutsche Lied in Esperanto.* — Germanaj Kantoj Esperantigitaj. Kompilis Friedrich Pillath. Dua, iom kompletigita eldono. 11×15 cm. 78 paĝoj. Enhavas 73 kantojn, de diversaj tradukintoj aŭ aŭtoroj Prezo 0·80 M × Ŝlosilnombro. Por bonvalutaj landoj 0·80 Fr. svis.

## DISPUTO

ESTIMATA SINJORO. — Respondante vian artikolon de Januaro, mi povus respondi per longaj detaloj ke:

*Loti* montris Japanujon vidatan de Franco, ne de Japano.

*St. Sebastien* kaj *Salome* tiel aspektas por ni verko de nefranco, ke multaj kredas ke ili estas tradukoj.

Patrino de *André Chénier* estis greka, sed lia lingvo estis franca.

En franca lingvo cezuro estas paŭzo ne akcento.

Francaj aŭtoroj faris versojn sen rimo harmoniajn *(Molière: le Sicilien)*, dum novaj poetoj faris kun rimo versojn en kiuj mi aŭdas nenian ritmon.

Per elparolo de sensonaj silaboj oni sentas tre bone ke franca versfarado devenas de mezuro.

Neceso rimigi nur samajn gramatikajn formojn kreas cirkonstancon specialan al Esperanto.

Sed mi pensas ke sufiĉas ke ni diris nian opinion kaj ke la disputo povas ĉesi.

Mi skribis precipe por gratuli vin pri via belega traduko de André Chénier: sed mi pensas ke nia ideo pri versfarado estas malsama.

En via poezio, por mi, la ritmo devenas de paŭzo en la 6a kaj 13a silabo, kiuj estas aŭ gramatikaj akcentoj aŭ pronomoj antaŭ signo de interpunkcio, tio estas vorto post kiu devige oni haltigas voĉon.

Mi elparolas la aliajn silabojn per sama longa tono. La plilaŭtigo de voĉo sur akcentoj ne pli rilatas por mi al ritmo ol *forte* aŭ *piano* en muzika mezuro.

Tio pruvas ke tia afero estas malfacile diskutebla skribe.

Tamen kiam poezio, kiel la via, estas ritma laŭ akcento kaj laŭ mezuro, ĝi estas perfekta, kaj tie estas solvo de la afero laŭ mia opinio.

Kredu min Esperante via NAMIL LAB.

FINVORTOJ. — Do ĉesu la disputo. Bedaŭrinde ĝi estis senrezulta. Mi ne povis konvinki vin kaj vi ne min. Ĉar, ke Loti montris Japanujon vidatan de franco, tion mi ne kontestis, li ja estis franco. Kaj tio ke Salome aspektas al vi kiel verko de nefranco, ne signifas ke ĝi ne estas arta kaj valora verko. Kaj same arta kaj valora verko farita originale en Esperanto certe al neniu ŝajnos verko de neesperantisto.

Pri la ritmo, kiel mi vidas, ne estas tro granda diferenco inter la via kaj la mia (tio estas ĝisnuna kaj oficiala) sistemo. Ĉi tiu sistemo nur havas pli severajn regulojn kaj ne konas piedon sen akcento. Tamen eble, kiel jam montris Grabovski en Sinjoro Tadeo, ekzistas rimedoj por la plielastigo de la reguloj, per la forŝovo de la interpiedaj linioj, per enmeto de daktiloj kaj duonpiedoj, ktp.

Sed mi volas ankoraŭ rimarki ion pri la elparolo. Laŭ mia sperto la akcentitaj silaboj estas en Esperanto ne nur pli laŭtaj, sed ankaŭ pli longaj. Escepto estas nur la vortoj de la *Tabelo* kaj *ili, unu, oni, apud, super* ktp., do tiaj pli malgravaj vortetoj. Ĉe la ceteraj vortoj, se la longecon de la antaŭlasta vokalo ne certigas pluraj konsonantoj (granda, ombro ktp.) oni elparolas la respektivan vokalon tirate, longe (petas, havas, homo). La plej granda parto de la Esperantistoj tiel elparolas la lingvon, parolante alimaniere oni estas pli malfacile komprenebla. Kaj ĉi tiu parolmaniero estas tre utila precipe por tiuj, kies lingvo havas alian akcentadon ol Esperanto, ĉar elparoli longe kaj mallonge estas pli facile lerneble kaj pli malfacile prierareble ol elparoli akcente kaj neakcente. Se ne ekzistus ĉi tiu regulo de elparolo estus tute perfektaj rimoj ekzemple amas' (apostrofita substantivo) kaj amas (verbo).

Mi finas. Ni ne konvinkis nin reciproke, tamen eble la disputo ne estis tute senrezulta, doninte kelkajn pensojn pri la ne malgrava problemo.

Altestime via: KOPAR.

ANONCOJ:
GRANDAJ LAŬ INTERKONSENTO!
MALGRANDAJ:
PO DU ENPRESOJ LA PREZO DE UNU NUMERO!
PAGO NEPRE ANTAŬE!

SPECIMENA BOTELO: 10 SVIS. FR.
SPECIMENA BOTELO: 25 FRAN. FR.

BULGARA ROZOLEO

LA FAMA BONODORAĴO
POR PARFUMAĴOJ, SAPOJ — KAJ TIEL PLU
UNUAKVALITA, POGRANDE & POMALGRANDE

*

IVAN KRESTANOFF, EKSPORTOFICEJO
WINTERGARTENSTRASSE 9, DRESDEN A.

INTERNACIA FOIRO EN PRAHA
(Ĉeĥoslovakujo) 13—20 marto
Informojn donas: PRAŽSKÉ VZORKOVÉ VELETRHY Staroměststká radnice PRAHA
Esperanto korespondata!

PAN YAN
EN LA TUTA MONDO LA PLEJ BONAJ
VINAGRA KONSERVAĴO KAJ SAŬCO

Pro sia unika,
tre agrabla gusto
ili jam atingis lokon ĉe
la publiko pli altan
ol ĉiu alia.
*
La diferenco
kuŝas ĝuste en tio, ke ili
atingis la plej altan gradon
de bonegeco.

*Vendataj ĉie en boteloj de du grandoj je modera prezo*

Solaj posedantoj:
MACONOCHIE BROSS., LTD
LONDON, E. 14

La evoluon de la grafikaj industrioj servas la interesa



MAGYAR GRAFIKA
(HUNGARA GRAFIKO)
BUDAPEST VI, ARADI-UTCA 8

Ĉiuj, kiujn interesas la grafiko de l' arto, mendu ĝin! Unu numero kostas hungaran K 250.—

VII. SVISA SPECIMENA FOIRO
BASEL 15—21 APRILO 1923

Könyves Kálmán r.-t.

Fama eldonejo de reproduktajoj por artaj bildoj! Desegnaĵoj, pentraĵoj de mondfamaj artistoj! Rekomendas siajn eldonaĵojn Petu ilustritan prezaron kontraŭ 2 svisaj frankoj

*Budapest VI, Nagymező-utca 37–39*

VOJAĜU PER COOK
*
TURISTA OFICEJO
OFICEJOJ EN LA TUTA MONDO

SENSACIA! SURPRIZA! MODERNA!



ĴUS APERIS:
ĴUS APERIS:

MORGAŬ MATENE
de (TRIAKTA DRAMO) tradukis
F. KARINTHY K. DE KALOCSAY
Mendebla por 1 sv. franko ĉe:
„LITERATURA MONDO"

## *Vi parolas pri centmiloj da Esperantistoj!*

**Pruvu, ke estas almenaŭ dekmil!**



# UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO

Delegitoj en preskaŭ ĉiuj urboj

**bezonas dekmil membrojn**

Ĉiu Esperantisto devas esti membro

**ALIĜU AL U.E.A.!**

**CENTRA OFICEJO:**
**12, BOULEVARD DU THÉATRE, GENÈVE**



LASTA TRADUKO DE K. DE KALOCSAY

## DU KOKCINELOJ

DE GÉZA GÁRDONYI — PREZO SV. FR. 0.25

Interesaj, ĉarmaj noveloj — *Por sama prezo:* sendebla ankaŭ per pmarkoj

## PAĜIO DE L'REĜINO

Poezia, gaja teatraĵo — *Mendu ĉe:* Tradukita de K. de Kalocsay

PAŬLO BALKÁNYI VI, HAJÓS-UTCA 15
BUDAPEST (HUNGARLANDO)






**!**

estas la du libroj jus aperantaj:

JULIO BAGHY:

## PRETER LA VIVO

poemkolekto de la poeto

*

ALEKSANDRO PETŐFI:

## JOHANO LA BRAVA

popolepopeo, tradukita de K. de Kalocsay

*

ABONPREZOJ:

| | |
|---|---|
| Simpla kaj bela eldono ... ... ... ... | Sv. fr. 1 |
| Luksa eldono ... ... ... ... ... ... ... | Sv. fr. 2 |
| 40 numeritaj ekzempleroj kun aŭtogramo, bindite, po ... ... ... ... | 5 sv. fr. |

*

*Sendu la abonprezon en naciaj bankbiletoj aŭ iel ajn al*

**„LITERATURA MONDO"**
BUDAPEST VI, ANDRÁSSY-UT 81 (HUNGARUJO)



## L'ÉCHO DU DANUBE

La plej granda ĉiutaga jurnalo franclingva en Centrorienta Eŭropo estas

Ĉiutage; Politikaj artikoloj, mondekonomio, studoj, noveloj, arto, muziko, ktp. Speciala telegrafservo el Parizo

*

JARABONO: 100 FR. FRANKOJ — ĈEFREDAKTORO: F. DE GERANDO

REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO:
**BUDAPEST, VIII, JÓZSEF-KÖRUT 5**





## ĈU VI VIDIS

JAM LA HUNGARAJN ARTBRODAJOJN?

*

Kolorplenaj laboroj, taŭgaj donacobjektoj

*

Revendistoj serĉataj!

DEMANDU PREZON DE
**P. BALKÁNYI** BUDAPEST VI, HAJÓS-UTCA 15





FORTIGA NUTRAĴO
## OVOMALTINE

DR. A. VANDER S. A., BERN (SVISLANDO)

Esperanta broŝuro senpage


Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró.